FONDE en 1908, TRIA SERIO
34 a JARO - N° 241 Januaro 1967

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO
# FRANCA ESPERANTISTO

U.F.E., 34, rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : PRO. 55.03

## Hôtel de Ville de Calais où aura lieu le 59e Congrès National d'Espéranto



Photo aimablement fournie par la Chambre de Commerce et d'Industrie de Calais

Al ĉiuj Membroj de U.F.E. kaj Legantoj de nia Revuo,
Al ĉiuj Samideanoj kaj Amikoj,
Al ĉiuj Asocioj kaj Grupoj esperantistaj,
**FRANCA ESPERANTISTO**
prezentas siajn sincerajn bondezirojn por bona, prospera fruktoporta kaj paca Jaro 1967a

F. E.

# FRANCA ESPERANTISTO

**OFICIALA ORGANO DE U.F.E. (Unuiĝo Franca por Esperanto)**

**34, Rue de Chabrol, Paris Xe - C.C.P. 855-35 Paris**

**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**

**M. André RIBOT**, 11, rue P.-Vergne, 47 - MARMANDE. — Tél. 730.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

**1. — Cotisation nationale à l'UNION FRANÇAISE pour L'ESPERANTO (U.F.E.)**

Par ses statuts, l'U.F.E. est une union de sociétés déclarées et ne doit recevoir en principe de cotisations que de celles-ci. Toutefois, lorsqu'un Centre Culturel ou une Fédération n'existe pas encore dans une région, l'U.F.E. accepte de recevoir les cotisations annuelles de membres isolés sur les bases suivantes :

| | | |
|---|---|---|
| **MEMBRE BIENFAITEUR** .... | **50 F.** | Ces membres reçoivent la revue « FRANCA ESPERANTISTO » et le « Bulletin d'Information » |
| « **DONATEUR** ...... | **30 F.** | |
| « **TITULAIRE** ...... | **20 F.** | |
| « **JUNIOR** (**) (18 à 21 ans) .... | **8 F.** | |
| **MEMBRE ADHÉRENT** ...... | **5 F.** | Ces membres ne reçoivent que les bulletins d'informations en français |
| « **ÉTUDIANT et JEUNE** .......... | **2 F.** | |

Tous les membres reçoivent la carte de l'Association Espérantiste Universelle indiquant leur appartenance à l'U.F.E. et à telle Fédération ou Société, ainsi qu'une vignette annuelle à coller.

**Abonnement seul à la revue « FRANCA ESPERANTISTO » : France : 20 F.**
**Etranger : 25 F.**

**II. — Supplément pour UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (U.E.A.)**

| | | | |
|---|---|---|---|
| **MEMBRO JARLIBRO** (M) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. ... | **14 F.** | **MEMBRO ABONANTO** (MA) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. et « Esperanto » .... | **28 F.** |
| Cotisations de jeunes jusqu'à 21 ans ............... | **7 F.** | Cotisations de jeunes jusqu'à 21 ans ............... | **21 F.** |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO** ........... | **21 F.** | **MEMBRO SUBTENANTO** .. | **42 F.** |

(**) Les jeunes sont priés d'indiquer leur date de naissance.
(*) Les cotisations des jeunes jusqu'à 21 ans sont réduites de moitié.

## Internacia Renkontiĝo dum la Foiro en Leipzig.

Esperantistoj vizitontaj la printempan foiron 1967, sabaton vespere, la 11an de marto, havos okazon en Leipzig esti en rondo de esperantistoj.

Por detalaj informoj oni skribu al « Esperanto-Amikoj » en la Germana Kulturligo, GDR 701 Leipzig, 115 Kathe-Kollwitz-strato.

## La Sveda Esperanto-Federacio

aranĝos sian 61-an jarkongreson en Nörrköping de la 13a ĝis la 15a de majo 1967. Ĉi eldonis glumarkojn kiujn oni povas ricevi el Esperanto-Klubo — poŝtfako 49 - Nörrköping. La kosto estas po unu karto je dek markoj 2 intern. resp. kuponoj aŭ tri kartoj por 4 kuponoj.

## CONSEIL DU MOIS

Dans ce numéro de « Franca Esperantisto » vous lirez aux *Echos de la Presse,* le scandale provoqué par un cancérologue américain au Congrès de Tokyo. Profitons de ce fait, rapporté par la plupart des grands journaux, pour attirer l'attention du monde scientifique sur l'Espéranto, véhicule idéal — parce que SIMPLE et PRECIS — de toute pensée à l'échelon internationale.

Nous allons faire faire un certain nombre de tirages à part de la page : « *L'Espéranto dans le Monde Technique* » ; nous vous demandons d'envoyer cette documentation aux Professeurs de Sciences des Etablissements Supérieurs et Secondaires de votre ville ou de votre région. Bien entendu, vous pouvez accompagner cette page imprimée d'une lettre ou d'une circulaire donnant le vœu de l'Académie des Sciences, énumérant les diverses Chaires d'Espéranto dans les Facultés étrangères, etc... Tous ces renseignements se trouvent dans « LINGVO INTERNACIA », du Docteur Lapenna, président de l'U.E.A.

Pour recevoir plusieurs exemplaires de la page « *L'Espéranto dans le domaine technique* », écrivez à la Rédaction de « Franca Esperantisto », 11, rue Paul-Vergne, 47 - Marmande, en indiquant le nombre d'exemplaires demandés et en joignant un ou deux timbres pour les frais d'envoi.

## DOKTORO MAILLARD 90-jara



En oktobro 1876, sude de Parizo en Sceaux, naskiĝis homo, kiu laŭlonge de sia tuta vivo montris altajn kvalitojn de granda koro, de klara menso, de vigla entreprenemo kaj de fideleco al la altaj idealoj de homa frateco ; de tia homa frateco, kiu kapablas konkeri la plejsekreton de la homa animo. Li nomiĝis Gaston Maillard.

Post bonaj duagradaj studoj li dediĉas sin al medicino kaj 27-jara li ricevas la titolon « Internulo de la Parizaj Hospitaloj ». Lin interesas ĉefe la mensaj malsanoj, kiuj estis tre malbone esploritaj en tiu epoko ; kaj ĝuste tio estis la motivo, kiu allogis lin al tiu fako. Lia scienca esplorado kondukas lin prezenti en 1908 tezon (« Konsideroj pri la Parkinsona morbo kaj pri kelkaj funkcioj de la nerva sistemo ») post kio li estas nominita « Medicinisto de la Hospitaloj ». En 1914 li fondas privatan hospitalon por mensaj malsanoj ... tri monatojn antaŭ la eksplodo de la unua mondmilito. Post longa kariero li ricevas la titolon de « Honora medicinisto de Bicêtre kaj de la Salpêtrière », du el la plej famaj Parizaj hospitaloj.

Eklerninte, 16-jara, Esperanton en Oktobro 1892, li komencas gvidi kursojn en Sceaux en 1902, konatiĝas kun Edmond Privat en Bulonjo (1905) kaj de tiam li ĉiam apartenas al tiu elito, kiun la movado bezonas.

Post la dua mondmilito, retiriĝinte el la profesia vivo, li dediĉas sian tutan forton al la movado en tri ĉefaj direktoj : kreinte tre gravan grupon en Bourg-la-Reine, por kiu li sukcesas trovi multajn simpatiantojn, li daŭre redaktas la lokan bultenon, kiu iom post iom diskoniĝas al tuta Francio kun siaj raportoj pri ekskursoj, kunvenoj, informvesperoj, jam ne parolante pri la taŭge verkitaj komentoj kaj informoj pri la franca kaj monda movadoj kaj iliaj kulturaj atingoj. Lia gvidideo estas kiel eble plej intensigi la publikan informadon kaj, dezirante apliki siajn metodojn en nacian kadron, li sukcesas krei la informbultenon de U.F.E., kiu nun konsistigas nedisigeblan elementon de la informaparato de nia asocio. Kaj se nun tiu bulteno transiras al pli junaj manoj, kiuj scios plu evoluigi ĝin, li tamen restas ĝia fondinto.

La dua ĉefa celado de lia agado efektive estas la junularo. Jam en Bulonjo, sub la impulso de la juna Privat, li konvinkiĝis pri la eksterordinara graveco de la junularo por movado kiel la nia. Oni scias, ke li elspezis konsiderindajn monsumojn por subteni la movadon ĉe la junuloj : restas en la memoroj, interalie, la konkursoj kun premioj, kiujn li organizis ĉirkaŭ la jaroj 50-aj...

La tria lia klopodado estas esence praktika kaj pedagogia : serĉi rimedojn por ke en la Grupo de Bourg-la-Reine oni pli kaj pli praktiku la parolatan lingvon. Kaj tiu agado estas unu el la plej gravaj : oni scias, ke en daŭro de 50 jaroj la nivelo de la parolata lingvo konsiderinde altiĝis, sed oni paralele konsciu, ke tie temas pri kontinua ĉiutaga luktado pro la konstanta alfluo de novaj Esperantistoj, kiujn oni laŭvice eduku al plena Esperantisteco.

Estas evidente, ke se ni havus tutan taĉmenton da pioniroj vere laborantaj en almenaŭ unu el tiuj tri kampoj, nia franca movado povus en mallonga tempo tre ampleksiĝi kaj profundiĝi, fariĝi pli granda kaj pli karnhava ! Pro tio, interpretante la penson de nia tuta franca movado kaj en ties nomo, mi elkore diras al Doktoro Maillard :

« Kara amiko, restu vigla inter ni, dum ankoraŭ multaj jaroj : via agado estas vere edifa ! »

D-ro A. ALBAULT,
Vic-Prezidanto de U.F.E.

---

## OMAĜE AL FREINET...

*Antaŭ nelonge forpasis Célestin Freinet, iniciatoro de la tiel nomita « Ecole Moderne » kaj ankaŭ granda Amiko de Esperanto. Al F-ino Poueymarie, kiu fervore sekvas liajn instruojn, ni petis verki la ĉi-suban artikolon. Nome de nia Samideanaro, ni lastfoje kaj dankeme salutas la memoron de Célestin Freinet.*

Célestin Freinet forpasis la 8-an de oktobro 1966-a. Li estis pedagogo mondskale konata en la edukaj rondoj. Post la 1914-1918-a milito, malbonstata pro militvundo ĉe la pulmo, kiun longedaŭra ripozo ne resanigis, Freinet unuafoje en sia vivo instruas infanojn en malgranda vilaĝa lernejo. Liaj limigitaj fortoj malpermesas multon al li, sed despli profunden lia penso ĉion trapenetras, anstataŭ nur supraĵe ĝin tuŝeti. Infano estas por li ne nur lernanto, sed animo, kompleksa personeco, sentemo ligita al la ĉirkaŭanta medio. La ĉiutaga sperto pruvas al la juna instruisto, ke el instruado bazita sur la pasiveco de la lernanto rezultas nura malsukceso. Lia subtila intuicio klare komprenigas al li, ke necesas serioze priatenti la interesojn de la infano, ke necesas integri tiujn interesojn en la instrumetodojn, por eviti la displitiĝon de la infana penso. Li komprenas ke la infano bezonas ludi aktivan rolon kaj fariĝi aktivan elementon en la akirado de la scio. Freinet revolucie translokas la akson de la edukado : la centro de la lernejo ne plu estas la instruisto, sed la infano, la infano kiu sin edukas mem, — kun la helpo de la plenkreskulo.

Freinet ne estis utopiano, sed malrevulo, kies praktika saĝo ĉiam kalkulis kun la realo. Li estis nelacigebla pioniro de moderna pedagogio, vekante ampleksan movadon inter la geinstruistoj, senĉese elpensante kaj spertante novajn teknikojn kaj ilojn utiligeblajn en la popolaj lernejoj. Tiel estis enkondukita en la lernejojn la libera esprimado de la infano, kiu ĝuis la rajton libere verki, esplori, pripensi, raporti...

Freinet dediĉis sian vivon kaj siajn fortojn al la defendo de la infanrajtoj. Sennombraj estas la instruistoj kaj la infanoj kiuj kodiaŭ ŝuldas al C. Freinet ke ili kunlaboras ĝoje, libere, kaj entuziasme.

L. P.

# CALAIS D'HIER ET D'AUJOURD'HUI

A l'aube de notre histoire, le Calaisis présentait, on s'en doute, un aspect bien différent de celui d'aujourd'hui.

La mer s'avançant profondément dans les terres, creuse un vaste golfe qui s'étend jusqu'aux environs de Saint-Omer, bordé à l'ouest par les Noires-Mottes et le Blanc-Nez et limité au sud par les hauteurs boisés des derniers chaînons des collines d'Artois.

Une série d'îles délimite des chenaux par lesquels l'intérieur du golfe communique avec la mer. Peu à peu, le golfe se comble, devient marais, les îles se rejoignent et il s'établit une bande côtière de terrain ferme sur laquelle s'implantent des cabanes de pêcheurs.

### LE MOYEN-AGE

Certaines trouvailles archéologiques (monnaies, médailles, statuettes) démontrent le peuplement du site dès l'époque gallo-romaine, mais le premier texte qui concerne notre ville d'une manière certaine est une charte du comte de Flandre datant de 960.

Le premier noyau de l'agglomération calaisienne est Pétresse, ou Saint-Pierre, qui correspond à la partie sud-est du Calais actuel, mais peu à peu, la mer reculant, les pêcheurs quittent Saint-Pierre pour se fixer plus près du rivage et Calais se constitue. Au 12e siècle, la ville ne fait plus partie de la Flandre mais est entrée dans la mouvance du comté de Boulogne et le comte Mathieu lui octroie une charte communale.

La ville se développe et en 1227, Philippe Hurepel, fils cadet de Philippe-Auguste, devenu comte de Boulogne, fait construire la première enceinte et le château qui assureront, le cas échéant, la défense de la cité. Celle-ci présente maintenant une importance certaine, elle possède deux églises : saint Nicolas, disparue au 16e siècle, et Sainte Marie, l'actuelle église Notre-Dame dont les parties les plus anciennes remontent au début du 13e. La Tour du Guet, qu'on voit encore de nos jours sur la Place d'Armes, date également de Philippe Hurepel, tout au moins dans sa forme actuelle.

Puis, par voie d'héritage, Calais passe dans le domaine des comtes d'Artois ; ses institutions communales se développent grâce à une nouvelle charte en même temps que son commerce s'épanouit grâce à son port et à sa flotte commerciale.

Dès la fin du 12e siècle, Calais est devenu un point de passage important vers l'Angleterre (Richard Cœur de Lion y a débarqué pour se rendre à la croisade), le trafic important et la pêche prospère assurent, en dépit de quelques vicissitudes, la richesse de la ville et de ses bourgeois.

Au point de vue militaire, Calais est également une place importante. Sous Philippe-Auguste, lors des démêlés avec Jean sans Terre, le prince Louis, futur Louis VIII, s'y embarque à la tête d'une flotte de 600 vaisseaux pour une expédition qui doit lui assurer la couronne d'Angleterre mais qui se termine par un échec en 1217.

Près d'un siècle plus tard, le port sert à nouveau de lieu de rassemblement à la flotte française pour l'expédition de Philippe le Bel dans les Pays-Bas ; le corsaire calaisien Pédrogue (dont la légende a fait le géant Jehan de Calais) y participe sous les ordres de l'amiral Grimaldi.

### SIEGE DE CALAIS

Dans les années qui suivent, les démêlés entre la France et l'Angleterre vont bouleverser l'évolution de la ville. Dès le début de la guerre entre Edouard III et Philippe VI, les corsaires calaisiens se sont manifestés de façon fort active, interceptant les navires ennemis et gênant considérablement le commerce anglais avec la Flandre. L'inconscience des Français provoque le désastre de Crécy en 1346 qui inaugure la série des revers. Edouard se dirige vers le nord et vient mettre le siège devant, « ce nid de pirates », défendu par le gouverneur Jean de Vienne.

La ville, solidement fortifiée, est abondamment ravitaillée par mer, Edouard se rend compte qu'il ne pourra la prendre d'assaut ; pour la faire tomber par la famine, il l'investit méthodiquement, bloque son port avec une flotte et attend. Une année passe, la ville arrive à merci, le roi de France n'ayant pu la secourir efficacement ; et c'est l'épisode bien connu du dévouement des Bourgeois au cours duquel Eustache de Saint-Pierre, Jean d'Aire, Jacques et Pierre de Wissant, Jean de Fiennes et André d'Andres, se rendent au camp anglais en chemise, pieds nus et la corde au cou pour y porter les clés de la ville et y être ensuite exécutés. Ces conditions ont été dictées par Edouard pour prix de sa clémence envers les défenseurs et les habitants de la cité.

On sait qu'ils sont libérés grâce aux supplications de la reine Philippa et par un geste chevaleresque d'Edouard.

### CALAIS A L'HEURE ANGLAISE

Calais devient ville anglaise pour plus de 210 ans, les habitants sont dispersés et leurs biens partagés entre les nouveaux occupants, les fortifications et le château renforcés pour prévenir tout retour offensif des Français.

Pendant toute la période anglaise, Calais est une tête de pont militaire et économique de la plus grande importance ; un atelier monétaire y est créé et l'Etaple des Laines y est transférée. La ville est désormais l'entrepôt du commerce anglais pour toutes les opérations qui intéressent le continent. De nouvelles institutions privilégiées lui valent une prospérité jamais atteinte et ses gouverneurs seront choisis parmi les plus grands seigneurs ou même les membres de la famille royale.

Son château sera le lieu de détention provisoire de Jean le Bon et l'église Saint-Nicolas verra se dérouler les cérémonies de ratifications du traité de Brétigny en 1360 ; c'est également dans cette église qu'est célébré en 1396, le mariage de Richard II avec la princesse Isabelle, fille de Charles VI.

De nouvelles constructions s'élèvent : le Palais de l'Etaple, la Halle des Marchands ; l'église Notre-Dame est agrandie et embellie, elle est le seul édifice de style gothique anglais, dit perpendiculaire, qu'on peut encore voir sur le continent.

Calais attire les convoitises, les Français tentent de la reprendre par ruse, le duc de Bourgogne, Philippe le Bon, l'assiège vainement en 1436, mais malgré quelques rectifications de frontières, le Calaisis demeure aux mains des Anglais.

Henri VIII, comme ses prédécesseurs y séjourne à plusieurs reprises et notamment en 1520, lors de son entrevue, entre Guines et Ardres, avec François 1er, entrevue dite du Camp du Drap d'Or, qui sera bientôt, espérons-le, commémorée par l'érection d'un mémorial d'une sobre grandeur.

Sous Marie Tudor, la prospérité de Calais ne s'est pas démentie mais les Anglais se sont endormis dans une fausse sécurité, les défenses sont négligées, la garnison insuffisante ; c'est alors que François de Guise conçoit le projet de rendre la ville à la France.

Ayant rassemblé une ample moisson de renseignements par l'envoi de plusieurs missions de reconnaissance, le duc, secondé par les meilleurs capitaines français de l'époque, envahit le Calaisis, s'empare du château de Sangatte, des forts Nieulay et Risban et, après une campagne de huit jours, fait capituler la ville (janvier 1558). (Suite au prochain numéro).

Le numéro 1 d' « *Espéranto-Actualités* » vient de paraître. Sa formule nouvelle dont les numéros précédents du « Bulletin d'Informations Mondiales » avaient en quelque sorte constitué le rodage indispensable, marque la volonté de l'Union Française pour l'Espéranto d'affirmer sa vocation essentielle : INFORMER l'opinion publique et ses supports : la presse, la radio et la télévision du fait « ESPERANTO ».

« *Espéranto-Actualités* » proposera chaque trimestre à ses lecteurs des entretiens exclusifs avec des personnalités de tous les horizons, des informations brèves sur la vie de la « communauté mondiale espérantophone », des reportages sur des manifestations et congrès, des billets de journalistes espérantistes et non-espérantistes, etc...

L'UNION FRANÇAISE POUR L'ESPERANTO prend ses responsabilités : en publiant ce nouveau bulletin, elle offre à tous ceux qui le veulent vraiment, la possibilité de faire mieux connaître autour d'eux la « modernité de l'espéranto ».

A vous TOUS, amis isolés, mais désireux d'AGIR, clubs et centres culturels, fédérations, de prendre les vôtres.

Le mouvement, dit-on, se prouve en marchant !

A vous de le prouver en soutenant « *Espéranto-Actualités* », c'est-à-dire en y collaborant par vos compte-rendus, informations régionales originales, etc..., et en le diffusant largement autour de vous !

« *Espéranto-Actualités* » est VOTRE JOURNAL...

Il sera ce que vous voudrez qu'il soit : un SUCCÈS ou un ESPOIR vite envolé. L'équipe qui a contribué, par ses critiques constructives et ses suggestions à la « mise au point » de VOTRE journal attend de vous tous une adhésion... franche et massive ! ! ! et beaucoup d'enthousiasme.

Vous avez la parole ! ! !

André BOURDEAUX.

# *STATISTIKO JE ESPERANTO-KURSOJ EN LERNEJOJ*

Per cirkulero, kiun ni ne povis pli frue anonci en nia Revuo, S-ro Olle Olsson, vic-sekretario de I.L.E.I., Bantorget 3 en Lund (Svedujo) urĝe kaj insiste petas de la gvidantoj de Lernejaj Kursoj de Esperanto dum la jaro 65-66 precizajn detalojn pri ĉiuj kondiĉoj de okazigo. Pro manko de spaco, ni ne povas publikigi ĉi tie tiun demandaron, sed nur inviti niajn legantojn senprokraste laŭpove respondi tiun demandaron kaj resendi ĝin al la ĉi supra adreso.

Eble, kelkaj el ili miros pro la oftaj cirkuleroj rilate al tiu sama enketo ; ili ne miru kaj urĝe, precize kaj bonvole respondu ; ĉar ju pli da fidindaj informoj ricevos I.L.E.I., des pli forta kaj laŭta estos ĝia voĉo, por peti de la Oficialaj Instancoj la progresigon de la E. Instruado.

Ni iafoje emas kritiki la gvidantojn de nia Movado ; kiam ili laboras kaj petas nian nemalhaveblan kunlaboron, ni ne rifuzu !

# 59ᵉ Congrès National de l'Union Française pour l'Espéranto

## Calais, du 12 au 15 mai 1967

### PROGRAMME PROVISOIRE :

**Vendredi 12 :**

A partir de 14 h. : Réception des congressistes et aide éventuelle à la Maison du Tourisme.

**Samedi 13 :**

dº la matinée.
14 à 17 h. : Promenade en mer.
17 à 18 h. : Réception des délégués de l'U.E.A.
18 à 19 h. 30 : Repas rapide libre
19.30 à 22 h. : Conseil d'Administration U.F.E., réunion des commissions.

**Dimanche 14 :**

8 h. : Services religieux catholique et protestant ou visite de la ville ou matinée libre.
9 h. : Assemblée générale, Grand Salon de l'Hôtel de Ville.
12 h. : Réception à l'Hôtel de Ville et photographie officielle.
13 h. : Banquet à l'Hôtel du Sauvage.
16 h. : Après-midi libre ; promenade.
17 h. : Première partie de la soirée récréative et folklorique.
19 h. : Repas libre.
20 h. : Deuxième partie de la soirée récréative et culturelle.

**Lundi 15 :**

8 h. 30 : Reprise des travaux.
12 heures : Repas libre.
14-17 h. : Excursion.

N.B. — Possibilité de l'arrêt des travaux à 11 h. et départ pour une excursion avec repas en route.

L'Assemblée Générale et la Soirée Récréative se dérouleront dans le Grand Salon de l'Hôtel de Ville mis aimablement à notre disposition par M. J. Vendroux, député-maire de Calais, vice-président du Parlement Européen (signataire de la pétition à l'O.N.U.).

---

### REPRESO PETATA

TURISMO. — En Calais, kie okazos proksiman jaron FRANCA NACIA KONGRESO kaj samtempe markola renkontiĝo, fondiĝis DOMO DE TURISMO. Sendu amase gratulleterojn kaj turismajn faldfoliojn esperantlingvajn de ĈIE EN LA MONDO, Francujo inkluzive : Maison du Tourisme, 12, bd Georges-Clémenceau, 62 - Calais. Pri faldfolioj ĉiam valoras. Antaŭan dankon !

L.K.K.

---

## PRELEG-VOJAĜO DE Sino JANA CICHOVA

Dank'al invito de Tuluza Esperanto Societo mi havis eblecon en la monato oktobro viziti la de mi longe sopiratan landon Francio kun celo esperantlingve prelegi en 16 urboj pri Praha, ĉefurbo de Ĉeĥoslovakio, kun helpo de perfektaj tradukistoj kaj de projekciado de koloraj diapozitivoj. Tutan monaton daŭris mia interesa vojaĝo, kaj mi vizitis jenajn urbojn : Toulouse, Muret, Castres, Perpignan, Narbonne, Béziers, Montpellier, Nîmes, Marseille, Avignon, Aix-en-Provence, Hyères, Nice, Tours, Angers, Le Mans, Parizo. En ĉiuj lokoj unue mi spertis grandan gastamecon de franca popolo, mi havis eblecon veni en francajn familiojn, ekkoni ilian vivmanieron, karakterojn... Mia revo pri Francio realiĝis dank'al bonega organizado de T.E.S.

En ĉiuj lokoj de la prelegoj jam longe antaŭ la fiksita dato aperis grandaj afiŝoj kaj estis senditaj multnombraj invitiloj. Pro tio la sukcesoj de la prelegoj devis esti nur tre, tre sukcesaj. Kutime vizitis la prelegojn 80, 100-150, ie eĉ 250 personoj. La publiko manifestis grandan intereson pri Ĉeĥoslovakio, la demandoj pluvis senĉese kaj ŝajnis, ke la publiko ne emas forlasi la prelegejon. Kelkloke eĉ okazis, ke la origine preparita ejo fariĝis tro malgranda por enigi ĉiujn vizitintojn kaj estis necese aranĝi la prelegon en pli granda ejo. Preskaŭ ĉie alpaŝis min ĉeĥdevenaj loĝantoj de la koncernaj urboj, feliĉaj povi momenton paroli ĉeĥlingve kun hazarde veninta samlandanino. Ĉie el la publiko elspiris nekutima simpatio al mia popolo kaj pri Praha oni parolis kiel pri tre bela urbo. Tuj post la prelego la publiko ekinteresiĝis ankaŭ pri la Esperanto-movado kaj aĉetadis lernolibrojn aŭ broŝurojn pri Esperanto-movado.

Jam duan tagon post ĉiu prelego mi povis legi franclingvajn gazetojn kun longaj kaj tre favoraj artikoloj kun fotografaĵoj, ĉar ankaŭ la lokaj jurnalistoj kun fotoaparatoj svarmis inter la publiko. Kalkulante finfine la rezultojn de la prelegvojaĝo ni kun kontento konstatis, ke ĝi alportis entuziasmon kaj vigligon en la Esperanto-movadon en Francio, sed ankaŭ pliintensigon de la rilatoj inter Francio kaj Ĉeĥoslovakio.

Jana CICHOVA-PRAHA.

# L'Espéranto-manuel rénové

Notre regretté Président, Georges Warnier, avait — en collaboration avec M. Gaston Chavet, membre de l'Académie Espérantiste, — édité un cours pratique et complet en 15 leçons, sous le nom d' « *Espéranto-Manuel* ».

75.000 exemplaires ont déjà été vendus, ce qui prouve tout l'intérêt de la méthode. Les règles sont clairement exposées, le vocabulaire est réparti par leçons ; versions, thèmes, anecdotes, exercices de conversation et un lexique français-espéranto / espéranto-français complètent d'une manière heureuse ce manuel qui peut être employé, non seulement, avec succès dans les cours oraux, mais permet aux élèves qui ne peuvent assister au cours d'apprendre seuls la langue internationale.

M. le Professeur Gaston Waringhien, président de l'Académie Espérantiste, a bien voulu recomposer la partie traitant de la conjugaison et a également effectué quelques corrections.

Ce livre d'étude ne présente pas un caractère enfantin ; c'est un excellent et sérieux outil de travail. Il n'est vendu que 8 F., et les professeurs et les groupes ont droit à une réduction exceptionnelle de 20 %.

René LLECH-WALTER.

# 52a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## Tel Aviv, 2-9 Aŭgusto 1967

**Alta Protektanto :** Zalman Ŝolar, Ŝtatprezidanto de Israelo.

**Konstanta Adreso :** Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam, Nederlando.

### OFICIALA KOMUNIKO

**N. 1.**

**Kongresaj datoj.** Ni atentigas ke, pro specialaj lokaj cirkonstancoj, la 52-a U.K. ne okazos, kiel la ĝisnunaj Universalaj Kongresoj, de sabato al sabato, sed ĝi okazos de merkredo al merkredo.

**Limdato.** — Ni ankoraŭfoje atentigas ke la aliĝoj por la 52-a U.K. estas akceptataj ĝis la 22-a de junio. La limdato indikita sur la aliĝiloj (30-6-1967) estas sekve nevalida.

**Dua Bulteno.** — En la mezo de januaro 1967 estas antaŭvidita la apero de la Dua Bulteno, en kiu troviĝos i.a. precizaj informoj pri la loĝadebleco en Tel-Aviv kaj pri la kongresaj ekskursoj. Ĝis la apero de la Dua Bulteno la aliĝintoj bonvolu ne skribi al la Kongreso pri tiuj temoj.

**Glumarko.** — Estas aĉetebla ĉe la Libro-Servoj de la Landaj Asocioj kaj de U.E.A. bela kolora glumarko eldonita okaze de la 52-a de U.K. Prezo : 0,50 ned. gld. (2. - st.) por 10-glumarka folio.

**Statistiko (je 3-11-66).** — Arg. 1, Aŭstral. 3, Aŭstr. 3, Belg. 7, Braz. 2, Brit. 15, Bulg. 26, Ĉeĥosl. 16, Danl. 2, Finn. 3, Franc. 47, Germ. 9, Hisp. 2, Hongkongo 1, Hung. 35, Isrl. 17, Ital. 12, Jap. 3, Jug. 19, Kan. 1, Monako 3, Ned. 18, Norv. 3, Nov-Zel. 1, Poll. 82, Port. 2, Rum. 1, Sovet. 1, Sved. 17, Svis. 3, Usono 8, Ven. 1. Entute 364 el 32 landoj.

Konstanta Kongresa Sekretario.
G. G. Pompilio

# VOCO DE LA GRUPOJ

Por plifaciligi la trovadon de VIA grupo en tiu kroniko, ni de nun prezentos la diversajn Grupojn laŭ la alfabeta ordo. — La Redakcio.

### AMIENS

La 23an de Okt., okazis ĝenerala kunveno en Amiens urbdomo.

Tagordo : Mandatrenovigo de Komitatanoj.
Morala k. financa raportoj.
Diversaj demandoj.

Elektitaj :
Prezidanto : Sro DORIAC E., rue Lemerchier 109 (ĉefinspektoro de ŝtata kaso).
Vicprezidantino : Fino MAUCHIEN R., rue de Noyon 10 (delegitino de Nord Franca Esperanto).
Vicprezidanto : Sro NACKAERTS R., route d'Albert, 136 (sekretario).
Sekretario : Sro BARBOT B., rue Mozart, Apt 265 (sekretario).
Helpsekretar. : Sino BARBOT C., Samadreson.

Kasistino : Fino LECLERCQ M., rue des Vergeaux, 3.
Helpkasisto : Sro COZE M., rue Janvier, 33.
Aliaj Membroj : Sinoj DELAVIGNE, JOLY-DEMOL, THIENNOT, Sro ROUSSELET.

**ARRAS**

Sro Sipke Stuit kaj nederlandaj amikoj preparas la eldonon de 4 libroj tradukataj el la frisa lingvo.

Akcepta servo por vojaĝemaj — francaj kaj alilandaj — esperantistoj kreiĝis. **Adreso** : Esperanto, 6, avenue Winston-Churchill, 62 - Arras.

**CALAIS**

Belgaj, britaj kaj nederlandaj observantoj ĉeestos la nacian kongreson de U.F.E., kiu okazos la 13-14-15an de majo 1967.

**LENS**

Je la iniciato de Advokato Bigourd, kongreso de militintoj kaj militviktimoj aprobis rezolucion favoran al la Lingvo Internacia.

**LILLE**

E-tago okazos en la kadro de la internacia komerca foiro (aprilo-majo 1967). Krome, Francoj povos partopreni la jenajn aranĝojn en proksima Belgujo :

« Praktika kurso » en Bruselo (3-10an de januaro).
Jubilea festo en Antverpeno (14-15an de januaro).
Kongreso en Charleroi (13-15an de majo), ktp...

**MARMANDE**

A la suite d'une Exposition du 10 au 17 novembre, ouverture de deux cours publics avec 15 élèves et l'espoir d'un troisième cours dans un Etablissement scolaire.

**AGEMA PERPIGNAN KAJ PYRÉNÉES ORIENTALES**

Dum oktobro la Esperantista Kulturo-Centro en Perpignan organizis :

— la 5-an : prelego de Ge-roj Booersma el Leeuwarden (Nederlando) ;
— la 10-an : publikan prelegon de S-ino Cichova, anoncistino ĉe Radio-Praha, antaŭ 250 personoj ;
— la 11-an : prelegon de S-ro René Llech-Walter, antaŭ 150 gelernantoj de la kolegio en Elne (urbo apud Perpignan) ;
— la 13-an : malfermon de kursoj en Elne ĉe la kolegio, en Perpignan ĉe Liceo Arago, Lernejo Racine kaj Kultura Centro de Esperanto ;
— la 19-an : malfermon de konversacia kurso ĉe la Kultura Centro en Perpignan ;
— la 20-an : prelegon de S-ro René Llech-Walter ĉe « Grand-Hôtel » en Perpignan post vespermanĝo de la fame konata internacia societo « Lion's Club » ;
— la 22-an : prelegon de S-ro René Llech-Walter ĉe kolegio de Port-Vendres (30 km el Perpignan), antaŭ la malfermo de la kurso. 35 gelernantoj sekvas tiun kurson gvidita de S-ro Michel Lafont.

En la departemento « Pyrénées-Orientales » okazas nun 7 kursoj semajne (S-ro Marcel Serre gvidas kursojn ĉe la kolegio de Argelès-sur-Mer).

La perkoresponda kurso ankaŭ sukcesas. Oni devas citi inter aliaj 8 lernantojn de « Foyer Rural Laïque » en Tautavel (P.O.).

La 5-an de oktobro, S-ro René Llech-Walter prezidis la prelegon de S-rino Cichova en Toulouse, kaj la 12-an en Narbonne. Li prelegis dufoje en Narbonne : la 26-an de oktobro ĉe Liceo Beauséjour kaj la 8-an de novembro ĉe la knabina Liceo.

(Oni ne plu vendas pantoflojn en la regiono ĉar ne plu estas pantoflanoj !).

René LLECH-WALTER.

**ROEULX**

Dum urbodoma ekspozicio, F-ino M.A. Tomialoje prezentis kolekton da grandformataj fotoj pri Grésillon, kunlabore kun Sro Vanoverschelde.

**ESPERANTO-STANDO ĈE LA FOIRO DE ROMANS**

Standon de longe ni intencis starigi ĉe la Foiro de Romans, sed por ni la nesolvebla problemo estis la senĉesa deĵorado ĉ. 15 horojn ĉiutage kaj dum 10 sinsekvaj tagoj. Tiun problemon solvis en plej bonaj kondiĉoj nia Departementa Federacio. La du sindonemaj gvidantoj de la juna grupo en Crest (Drôme) Ges-oj Gibez proponis sian helpon kaj kompetenton kaj en 1966 de la 24-a de septembro ĝis la 2-a de oktobro Esperanto havis sian standon ĉe la Foiro de Romans !

Bone lokita, tiu stando troviĝis tutapud la sekretariejo de la Foiro, la stando de la urbo kaj « Syndicat d'Initiative » kaj antaŭ ĝi pasis preskaŭ ĉiuj el la pli ol 100.000 vizitantoj de la Foiro.

Ni ricevis ĝin nuda kun nur la vandoj, tegmento, la planko. Komplezemo de ĉiuj membroj de nia Junulara Sekcio kaj kompetento de Maurice Ruchon bonege ornamis ĝin, ĝis igi ĝin tre alloga !

Ĉe la funda vando granda panelo artiste pentrita de juna Berthaud en Valence « Esperanto, langue des temps modernes » kun bildo, ĉe la orienta kaj okcidenta flankoj pendis ses bonege planitaj ŝranketoj en kiuj oni ekspoziciis ĉ. 90 librojn. Sube, sur tabloj, ĵurnaloj, belafrankitaj kovertoj, poŝtkartoj, larĝe malfermitaj leteroj el la 5 kontinentoj, k.t.p.

Dimanĉon 25-an de septembro parte deĵoris japana junulino gasto de Bona Stelo.

Apenaŭ restis loko por la deĵorantoj : Ges-oj Gibez el Crest, helpataj laŭeble de liberaj membroj de Bona Stelo...

Sidi longe ili ne povis ĉar daŭre alvenis vizitantoj, informpetantoj, kelkfoje kritikantoj...

Plej lerte ambaŭ ili regis la situacion kaj trovis por ĉiu la taŭgan respondon, incitante ilin partopreni la venontajn kursojn organizatajn en Crest, Montélimar, Romans, Valence aŭ la senpagan perkorespondan kurson de la Federacio.

Unuvorte la afero montriĝis multe pli interesa ol ni esperis, ĉar ĝi alproksimigis de ni publikon kiu plej ofte konas la vorton Esperanton sed malofte kion reprezentas tiu vorto.

Dankon al la Federacio ! Dankon al ĉiuj kiuj helpis nin !

Dankon al la librovendistoj kiuj komplezis nin per favoraj kondiĉoj !

Konklude tiu stando estis bona afero, kvankam sufiĉe kosta.

Ni tamen provos saman sperton ĉe la Foiro de Valence en aprilo 1967.

**TOURS**

La grupo organizis ekspozicion sub la titolo : « L'Espéranto dans le monde d'aujourd'hui ». Ĝi okazis en la Urba Biblioteko, de la 6a ĝis la 9a de oktobro. Multaj vizitintoj. La « Nouvelle République » tre favore raportis.

Okazos du kursoj, unuagrada kaj duagrada. Tria kurso por la fervojistoj okazos en la « Foyer des Cheminots » sub la gvidado de S-ro Aude.

La 26an de oktobro, akcepto de S-ino Cichovà el Radio-Praha, kun prelego pri Prago kaj Ĉekoslovakio.

**VALENCIENNES**

Radio Valencionnes kaj ses ĵurnaloj regule raportas pri la aktiveco de la klubo, i.a. la interŝanĝoj kun la germana urbo Düren, la publikaj kursoj kaj la regionaj renkontiĝoj. La gazeto « Le Courrier » aperigis eĉ tutpaĝan intervjuon kun kvin fotoj.

**WATTRELOS**

La unua filatela ekspozicio de la lerneja amikaro L. Lagrange prezentis 1a poŝtmarkojn pri Esperanto.

# LA MALTA SUBTERA TEMPLO

La prahistorio de Malto, meze de la Mediteranea maro, perdiĝas en la mallumo de la tempo, miljarojn antaŭ Kristo. Ni malmute scias pri tiu tempaĝo sed el trovitaĵoj en la « Kaverno Malluma », sude de la Insulo, oni povas singardeme fari kelkajn asertojn. Ĉar, krom restaĵojn kaj ilojn de la malta prahomo, oni trovis en 1917 en ĉi tiu kaverno ok homdentojn, kies du, laŭ Sir Arthur Keith, estas karakterizaj de la Neandertalulo. Kvankam tiu estas nur konjekto.

Inter 3,000 kaj 1,400 a. K., la homo neolita (t.e. Nova Ŝtonepoko) enloĝis Malton, konstruante plurajn templojn megalitajn (t.e. per grandaj ŝtonblokoj).

Poste alvenis la Bronzepokulo, kiu uzis, kiel ilojn, la kupron kaj la bronzon. Tio okazis en ĉ. 1,400 a. K.

Unu el la plej belaj pratemploj estas certe tiu nomata « Hypogeum » (greka nomo por « subtera templo »). Kia estas ĉi tiu pratemplo subtera kaj kial ĝin uzis tiuj pramaltanoj ? Jen la demandoj, al kiuj mi ĉisube respondas.

La « Subteran Templon » eltrovis laboristoj en 1902 dum ilia konstruado de novaj domoj. Elfosante puton por konservi akvon, kiel oni kutime faras en Malto ĝis hodiaŭ, ili trovis plafonon de subtera ĉambro, kondukanta al aliaj. Kompreneble neniu raportis la okazintaĵon al la tiutempa Gubernio, kaj la konstruintoj silente daŭrigis sian laboron. Kiam la tuto estis jam konstruita, la posedanto pretiĝis vendi al la Gubernio kaj la domojn kaj la subteraĵojn.

La unuaj elfoslaboroj ekkomencis en 1902 sub la gvidado de la Jesuita pastro Magri. Sed li mortis kelktempe poste sen postlasi ian ajn skribitan observon pri la laboro farita. La sekvanta arĥeologiisto estis la famekonata Profesoro Themi Zammit, kiu, kvin jarojn post malfacila laboro, sukcesis eltrovi la tutan Hipogeon.

La templo konsistas el tri etaĝoj. La supera entenas plurajn kavojn enroke hakitajn, kies unu, en formo de barela ŝakto, entenis homajn restaĵojn.

Alia kaveto kun glataj muroj spruĉitaj per ruĝa pigmento havas fenestreton surigita de ellaborita kornico.

El tiu lasta, oni kondukiĝas al la Ĉefa Halo. Ĝi konsistas el ronda ĉambro ĉc ĝi hakita el la roko solida, kaj kies antaŭaj muroj formiĝas el kolonoj kun sintrudo de transtrabo kaj arkitravoj. Ĉi tiu montras imiton de korbela plafonsistemo. Estas ankaŭ niĉoj kaj fenestroj surigataj de ellaboritaj kornicoj.

La glateco de la muroj kaj la progresplena arkitekturo kune kun skizoj de kvadratdesegnoj en ruĝa pigmento ornamas la ĉambron.

Per konjektado oni povas konkludi, ke ĉi tiu ĉambro utilis, kiel renkontejo de la neolita raso por religiaj ceremonioj.

Iom malsupren, estas du ĉambretoj verŝajne uzitaj de adorantoj serĉantaj inspiritajn revojn. Tio konkludiĝas el la eltrovo ĉi tie de du virinaj statuetoj argilaj : unu, vizaĝon malsupren eble adorante ; la alia, en naturala pozicio de dormo.

Centre de la templo, troviĝas ĉambro de malglataj muroj kun dekstre triŝtona pordo, kaj je la supro skulptaĵo de grato ne delonge eltrovita. La muroj de ĉi tiu ĉambro estas markitaj de profundaj truetoj hakitaj per silikŝtono. Signoj de ruĝa okro ankaŭ videbliĝas en la plafono, formante la desegnon de dek kvar diskoj.

**La Orakloĉambro**

La granda interesaĵo de ĉi tiu ĉambro rektangula estas ovala trueto kun flankoj konkavaj kaj sura pentraĵo de tri ruĝkoloraj diskoj. La trua intereso kuŝas en la fakto, ke, se iu, almetante sian buŝon en la truo, parolas eĉ mallaŭte, aŭdiĝas stranga reeĥado tra la tuta templo. Kompreneble la voĉo devas esti nur tiu de viro ; tiu de virino tute ne resoniĝas. Oni supozas, ke la truo estis uzita, kiel orakloresponđilo de la tiutempe neolita sacerdoto. La resonado trapasas per ronda eĝeto rokehakita ĝuste sub la plafono.

Alia interesaĵo ĉi tie estas la pentritaj spiraldesegnoj en la plafono, kiun oni interpretas, kiel vivarbon, pro ĝia simileco al arbo staranta sur solko, kies malsupro ripozas sur la roka planko. Aliaj enmuraj truegoj kondukas al flanke elhakitaj ĉambroj.

**La riĉe ornamita ĉambrego**

Ĉi tie abundas pentritaj spiraloj enigitaj en kvinanguloj : simbolo, onidire, kontraŭ la nigra magio.

Poste oni atingas pli malaltan ĉambron : la plej riĉa kaj plensignifa de la tuta templo : kvar duonrondaj muroj, kun kvin kolonoj, surigitaj de tri rokaj transtraboj unu super la alia, enen inklinantajn, formante sistemon duonkorbelan ; en la planko troviĝas aro da kunigitaj truoj. Verŝajne oferaj bestoj estis ŝnurligitaj al tiuj truoj por ceremoniaj buĉadoj. Interesa ankaŭ estas la skizo de nigre pentrita **bovo, kiu** klarigas multajn antaŭajn konjektojn pri ĉi tiu ĉambro. Pro ĝiaj formo kaj truoj, ĉi tiun ĉambron oni nomas la Plejsanktejon. Oni direktu siajn paŝojn malsupren tra lintelo. Ĉi tiu estas aparta ŝtonego instalita en speciale hakita loko : enmeti tian ŝtonegon horizontale en ĉi subtera loko estas vere mirindega laboro de la ŝtonepokulo ! Krome, ĉi tiu malsupera etaĝo ĉiam oferis enigmon por la arĥeologiistoj. Jen kial, sep diverslongaj ŝtupoj kondukas malsupren, abrupte finiĝante ses futojn super la planko. Iuj opiniis, ke ĉi tiu ŝakto (ĉar ĝi similas al ŝakto) servis, kiel kaptilo, malhelpante rabistojn, kiuj intencis eniri la enajn supozeblajn grenejojn. Mi ja diras **supozeblajn** grenejojn, ĉar dum la elfosado oni tie trovis nur akvon kaj ne grenojn.

Plej malsupren oni troviĝas unue en aro da kvin ĉambroj, kaj poste en aro da kvar ; ĉiuj ruĝkolore pentritaj. La lastaj el tiuj troviĝas dek kvar futojn sub la stratnivelo.

Kion konkludi el ĉio ĉi ? El restaĵoj tie trovitaj kaj el multnombraj postrimarkoj, vidiĝas, ke la Hipogeo apartenas al tri sinsekvaj neolitaj epokoj, aŭ pli bone al tri en ĝia konstruado hakadteknikoj. Al la unua epoko apartenas la plej superaj etaĝoj : la naturaj kavoj, la meza ĉambro, la orakloĉambro kaj la pentrita ĉambro, ĉiuj ŝtonepoke uzitaj. Tio evidentiĝas pro la rondaj muroj, pro la malesto de kolonoj kaj pro la samforma dekoracio.

Al la dua epoko apartenas la kongregacia ĉambro, la Plejsanktejo kaj la ĉambro apuda, pro la pli komplika konstruaĵevoluo kaj pro la alte proporcia arto.

La lasta epoko evidentiĝas en la plej malsupera etaĝo, kun ĝia tute aparta teĥniko, pro la rekte rondaj kolonoj kaj la du abutmentoj, kies unu pendas de la plafono. Kaj ĉio hakita el la roko ! Vera mirindaĵo !

Kio plejklare montras la riĉan produkton de la rimarkinde evoluinta ŝtonepokulo ?

Unu vorton pri la trovitaĵoj dum la elfosado. Granda kvanto da disrompita fajenco, rulaj ŝtonbuloj, kaj argilaj statuetoj kune kun rompita ŝtonstatuo kiu laŭ arĥeologiistoj reprezentas la diinon de fekundeco ; krome, pendaĵoj, globetoj kaj ŝtonaj rimenĵetiloj.

Jen la kutimaj iloj de la praenloĝantoj de la Insulo. Kaj jen unu el la multaj pratemploj (la nura subtera) de Malto, indikantaj la vere religiajn sentojn kaj la jam altkvalitan kulturon de la pramaltanoj, ĉirkaŭataj de la mediteranea maro, ligilo de Afriko kun Eŭropo.

Carmel MALLIA
U.E.A. Delegito en Malto

# L'ESPÉRANTO DANS LE DOMAINE TECHNIQUE

Après les incidents d'ordre linguistique déclenchés par un Américain au Congrès des Cancérologues à Tokyo, on peut regretter que le vœu voté jadis par l'Académie des Sciences de France et qui recommandait la généralisation de l'Esperanto dans les Sciences, n'ait pas rencontré une plus large audience.

Aussi, au moment où d'aucuns déplorent l'absence de la langue internationale dans les réunions de Savants, nous avons demandé à un Ingénieur dans un Centre d'Etudes Nucléaires de bien vouloir traduire en Espéranto un texte particulièrement difficile en raison de son caractère technique. Avant de donner ci-dessous les deux textes espéranto et français en regard, rappelons que l'Espéranto possède, en plus du Dictionnaire Général, CENT TRENTE TROIS Lexiques Techniques (Fakterminaroj) correspondants à toutes les branches de l'activité humaine.

## AKTIVECA MEZURO DE 14-KARBONE MARKITA BARIKARBONATO PER SCINTILANTAJ ĜELOJ

**3) Aparataro**

Plejparte, nia mezurado estis efektivigita per la CTM-1 Karbotrimetro, fabrikita de Lie-BELIN. Tiu aparato estas ekipita per du EMI-fotomultobligiloj (tipo 6097 A) koincide muntitaj, kaj diametre kontraŭmetitaj ĉirkaŭ la komputflakono. La fotomultobligiloj kaj la mezurflakono kuŝas en plumboĉirkaŭujo (8 cm-dika) enlokita en malvarmigujo. La du antaŭamplifiloj kuŝitaj ekstere kaj flanke de la malvarmigujo estas konektitaj per flekseblaj ŝirmkabloj al la elektronikaĵoŝranko. Tiu ĉi enhavas du amplifilojn, du diskriminilojn, koincidcirkviton, la alttensian elektrofonton por la fotomultobligiloj kaj la du komputskalilojn alligitaj kun sinkrona tempomezurilo.

Komparan studon de la rendimentoj oni faris per muntaĵo enhavanta nur unu fotomultobligilon, kuŝanta en norma 5 cm-dika plumboĉirkaŭujo, je meditemperaturo. Konektita elektronikaĵo estis la CEA-norma elektronikaĵo.

La figuro I montras la kurvojn de komputpoa variado funkcie de la koincidvoja alttensio (H. T2) por konstanta valoro de la mezurvoja alttensio (H. T1). La kurvaron oni akiris, variinte la bendan larĝon : malsupra sojlo - supra sojlo.
. . . .

La metodo de 14C-markite barikarbonata komputado estas uzebla por mezuroj de radioaktiva karbono uzita kiel spurilo, ekzemple en la kazo de la esploro pri karbida memdifuzo en la unukarbido UC.

La difuzokoeficiento estas konebla el mezuro de la 14C-koncentriteca variado, funkcie de ĝia eniĝa profundeco.

## MESURE DE L'ACTIVITE DE CARBONATE DE BARYUM MARQUE AU CARBONE 14 PAR GELS SCINTILLATEURS

**3) Appareillage**

La plus grande partie de nos mesures a été effectuée à l'aide du Carbotrimètre CTM-1 fabriqué par Lie-BELIN. Cet ensemble est équipé de deux photomultiplicateurs EMI type 6097 A montés en coïncidence et diamétralement opposés par rapport au flacon de comptage. Les photomultiplicateurs et le flacon à mesurer sont situés dans un château de plomb (d'épaisseur 8 cm.) inclus dans un réfrigérateur. Les deux préamplificateurs disposés extérieurement et latéralement par rapport au réfrigérateur, sont reliés par des câbles blindés souples, à l'armoire électronique. Celle-ci comprend deux amplificateurs, deux discriminateurs, un circuit de coïncidence, l'alimentation haute tension des photomultiplicateurs et les deux échelles de comptage reliées à une horloge synchrone.

Une étude comparative des rendements a été effectuée à l'aide d'un montage comprenant un seul photomultiplicateur, situé dans un château de plomb standard d'épaisseur 5 cm., à la température ambiante. L'électronique associée était l'électronique standard CEA.

La figure I donne les courbes de variation du taux de comptage en fonction de la haute tension de la voie coïncidence (H. T2) pour une valeur constante de la haute tension de la voie mesure (H.T. 1). Le réseau de courbes a été obtenu en faisant varier la largeur de la bande : seuil inférieur - seuil supérieur.
. . . .

La méthode de comptage du carbonate de baryum, marqué au 14C, peut être utilisée pour des mesures de carbone radioactif ayant servi de traceur, par exemple dans le cas de l'étude de l'autodiffusion du carbure dans le monocarbure UC.

Le coefficient de diffusion est obtenu en mesurant la variation de concentration du 14C en fonction de sa profondeur de pénétration.

# DEPONO DE LIBROJ ĈE LA LIBREJOJ

Ĉar la demando pri la disponigo de E. lernolibroj en la ordinaraj libro-vendejoj estas ofte diskutata temo, mi volus iom prilumi kelkajn ĝeneralajn trajtojn kaj montri, ke laŭ mi, la progresado de E. en nia lando, ankoraŭ ne atingis sufiĉan disvolvon por ke tiuj libro-deponoj estu profitdona iniciato. La baza eraro estas konfuzo fare de nia samideanaro, inter librovendisto kaj samideano : la unua deziras prigajni sian vivon vendante librojn — kiaj ajn ili estas — la dua, senkonsidere de komerca celado, deziras nur akceli la progresadon de nia lingvo, deponante lernolibrojn en la plej granda nombro da vendejoj.

Sed la faktoj pruvas, ke la vendado de E. libroj povus interesi la libristojn se la publiko ofte bezonus tiajn librojn ! verdire, eĉ kiam oni elmontras ilin en butik-fenestroj, la vendado estas tute negrava.

El tio sekvas, ke pro komercaj kialoj, la libristo ne emas dediĉi lokon al niaj libroj en sia fenestro kaj anstataŭe, li proponas la lastmodan romanon aŭ la amor-aventurojn de iu kinostelulino... kiu kompreneble, neniel rilatas kun la verda stelo !... Al tio, oni devas aldoni, ke tiaj ofte vendataj libroj estas multe pli karaj ol la esperantaj, do post ekzakte sama laboro, la libristo povos enspezigi x-oblan profiton.

Tamen, dank'al la sindonemo de multaj samideanoj, ni trovis plurajn libristojn, kiuj bonvolis akcepti deponon de E. lernolibroj ; kelkaj vendis iiin -- dank' al la loka grupo, kies membroj kaj novaj lernantoj fariĝis aĉetantoj — kaj enkasigis la normalan rabaton ; sed pli granda nombro, konsiderinte la negrandan disvendadon, flankenmetis niajn librojn profite de ofte postulataj verkoj... kaj la E. libroj ŝimis en butikangulo ĝis la eldonejo petis la pagon aŭ la resendon. Tiam, preskaŭ ĉiam, revenis difektitaj libroj : senkolorigitaj kovriloj, ŝiritaj paĝoj ktp.

Sub la nuntempaj cirkonstancoj, tiuj libroj estas tre malofte vendeblaj kaj verŝajne, tio daŭros ĝis E. estos oficiale enkondukita en la lernejajn programojn. Je tiu alsopirita momento, la publika atento estos altirita sammaniere kiel al la latina aŭ germana lingvo, al matematiko aŭ geografio, ktp. Unuvorte, E. estos tiam tute praktika lernobjekto.

Dume, la aĉetado de E. libroj pere de libristo, malutilas al nia Movado, kies financaj malfacilaĵoj estas tragedia bremso. Mi ĉiam konservis la memoron de iu franca samideano, kiun vi ĉiuj tre bone konas. Li tiam gvidis kurson en Seminario kaj bezonante plurajn lernolibrojn de mi eldonitajn, li skribis jene : « Mi povus mendi tiujn librojn ĉe mia libristo, kiu same kiel vi, donus al mia grupo la 10 % rabaton ; sed mi opinias, ke la rabatmono, kiun vi donus al li (30 %) pli utilos al vi por venontaj eldonoj. Mi neniel malestimas mian libriston, sed mi preferas alporti monon al nia afero ol al li, tiom pli, ke li certe ne konvertiĝos al E°. kaj ne fariĝos pioniro » ! (1).

Tamen, se la ĵus varbitoj al niaj grupoj scias, ke ĉe la grupkunveno, ili povos akiri ĉiajn E. librojn, ni ne povas plene forgesi la kazon, kiam ordinara persono, surstrate promenanta, senintence gapas al librofenestro kaj ekvidas E. lernolibron, kiun ĝi de longe deziris trovi. Efektive, okazis ne malofte, ke homoj deziris akiri E. gramatikon kaj ne sciis, kien sin turni ; pri tiu kategorio de varbebla samideanaro, ni devas pensi : tiam, du agmanieroj ekzistas : aŭ organizi librodeponeton pri la plej ĝenerale bezonataj libroj ; aŭ rimarkigi al viaj libristoj ke okaze de klienta peto, li povos ekrilati kun nia Movado kaj kun eldonejo kaj do ricevi librojn kaj informojn, konsultante la dikan lernolibran katalogon titolitan : RENTRÉE DES CLASSES 196...

---

(1) Ekzemplo de monperdo por nia ĝenerale konsiderata eldonkapitalo : ni supozu, ke iu libristo (a) kaj grupo (b) mendas 40 lernolibrojn ; jen la respondaj fakturoj :

| (a) por la libristo | | (b) por la grupo | |
|---|---|---|---|
| 40 lernolibroj po 4 frj ...... | 160,00 | 40 lernolibroj por 4 frj ...... | 160,00 |
| rabato 30 % .... | 48,00 | rabato 10 % .... | 16,00 |
| | 112,00 | afranko .......... | 6,90 |
| senpaga afranko por la libristoj | | | 150,90 |

Nia Movado, sur la eldonkampo, perdas : 150,90 — 112 = 38,90 kaj tamen, la koncerna libristo ne fariĝis esperantisto !

A. R.

---

# DIVERSAĴOJ

## ★ AGADO ĈE LA BIBLIOTEKOJ

**Esperanto libro en biblioteko estas semo, kiu neniam perdiĝos. Ofte oni renkontas fervorajn esperantistojn, kiuj mem lernis la lingvon danke al malnova lernolibro hazarde konsultita ĉe biblioteko ie en la mondo. Kaj ofte, memlernado estas vizitkarto de konscia kaj bone preparita esperantisto. Tial ni aparte mencias, je la atento de la grupaj estraroj, la iniciaton de nia milana samideano P... kiu donacis al Urba Biblioteko de Palaco Sormani dudekon da esperantaj libroj kaj kelkajn jarkolektojn de revuoj, eldonitajn en la internacia lingvo. Samtempe la estraro de la torina E. Grupo decidis provizi 12 urbajn bibliotekojn per gramatikoj kaj vortaroj en E.**

**Jen agado relative malmultekosta, kiu tamen povas notinde akceli la kapilaran disvastigon de E. en ĉi tiuj decidigaj jaroj.**

**el « L'Esperanto ».**

## ★ L'ESPERANTO DANS LES COURS DU SOIR EN GRANDE-BRETAGNE

Chez nos voisins d'Outre-Manche, l'espéranto est enseigné dans de nombreux cours du soir ou au sein d'Associations Culturelles, à condition qu'un nombre minimum d'élèves témoignent d'une certaine assiduité. Ces cours sont alors normalement rétribués par le Conseil Municipal ou l'Organisme Culturel qui les a créés.

Au moment où l'année scolaire va commencer, nous invitons tous ceux et celles qui sont capables de faire un cours, à prendre contact avec la Municipalité ou l'Association Culturelle de leur ville.

A ce propos, nous signalons que, grâce à l'intervention de Mlle Lepinte et M. Cugny, l'Association Culturelle de Dijon a inclus l'espéranto parmi les langues que ses membres peuvent apprendre seuls à l'aide d'un cours sur disques.

Ce qui a été réalisé à Dijon peut sans doute l'être dans bien d'autres villes.

## ★ RUMANAJ NOVAĴOJ

De la E. Grupo en la rumana urbo SUCEAVA ni ricevis tre afablan leteron kaj sincerajn dankojn precipe al Fr-ino Perra, el Lyon kaj S-roj Mauriange, el Le Mont-Dore, Mussier, el Montluçon kaj Leyrit, el Clermont-Ferrand. Kvankam en tiu lando, ekzistas neniu oficiala E. Movado, tiu grupo enhavas 300 membrojn, kiuj laboras sub tre malfacilaj kondiĉoj por antaŭenpuŝi nian lingvon. Pro monmalfacilaĵoj, tiu grupo ĉiam bezonas revuojn, librojn, leterojn k.t.p. Sendu al : Inĝ. Natasa Dungeanu, Casuta Postale 41 — SUCEAVA 1 — Rumanujo.

## ★ CE NIAJ MADAGASKAROJ AMIKOJ

a) La 7an de septembro okazis la jarĉefkunveno de Esperantista Asocio de Madagaskaro.

La nova Estraro por 1967 konsistas el :

Prezidanto : S-ro Eugène Raveloson, estrarano pri eksteraj rilatoj, B.P. 1678, Tananarivo.

Vic-Prezid. : Pastoro Rabevary, B.P. 1292, Tananarivo.

Sekretario : Sro. Randrianasoloarivelo Mampionona. Redaktoro de Malagasa Esperantisto. III.S. 14. Anosibe Nord, Tananarivo. B.P. 1292.

Kasisto : Sro Akoutey Ferdinand, estrarano pri financoj kaj informado. V.K. 26. Ambohimanoro ; Tananarivo.

La organo « Ny Esperantista Malagasy » ekde la venonta numero portos sian nomon en Esperanto, tio estas : MALAGASA ESPERANTISTO ; ĝi ĉiam aperos multobligita pro financa kialo. La abonantoj, kiuj pasintjare ne ricevis ĝin, bonvolu informi la novan redaktoron, por ke li povu ordigi la aferon.

*GRAVA ATENTO* : Por faciligi al la gvidantaro, kaj por ke ĉiu letero ricevu tujan respondon, ni luas poŝtkeston. Mi do petegas, ke vi uzu ĝin por viaj sendaĵoj. Notu ĝin en vian poŝkajereton.

Esperantista Asocio de Madagaskaro
B.P. 1292 - Tananarivo

## ★ IL NE FAUT DONC PAS S'ETONNER...

Le supplément à l' « Echo de la Mode » (n° 47) annonce que « le Français est l'homme le plus casanier du monde ; sur 100 habitants, 77 sont nés là où ils habitent, 82 % pensent rester toute leur vie au même endroit. Parmi les jeunes, de 18 à 34 ans (l'âge de l'aventure), 14 % seulement envisagent un changement ».

Après cela, il ne faut donc pas s'étonner que, dans notre pays, tant de gens que leur profession ou l'association à laquelle ils appartiennent, devrait amener à l'étude de l'espéranto, n'en sentent aucun besoin ! Cela est grave, car à la base, il y a un manque d'intérêt pour ce qui concerne la vie internationale, cette nouvelle conception de la vie humaine à laquelle il faut d'abord intéresser les masses, avant de leur enseigner l'espéranto !

## ★ ELLE EST BIEN BONNE !...

*Dans « Aspects de la France » du 1er septembre 1966, Pierre Debray préconise le latin comme langue internationale et conclut son article en ces termes :*

*« ... Je commencerai à croire à l'Europe (du moins pour les générations à venir) lorsque les petits Allemands, les petits Belges, les petits Italiens, les petits Hollandais et les petits Français apprendront sur les bancs de la communale, à décliner ROSA ROSAE et qu'il leur semblera aussi naturel de parler de BIROTA que de bicyclette. Ce jour viendra, si du moins la sottise des hommes et leurs préjugés rétrogrades ne viennent pas entraver le cours normal des choses. »*

*Cet adjectif « rétrograde » est absolument délicieux ! Nous, espérantistes, par exemple, qui proposons une solution simple, pratique et moderne. nous sommes des gens rétrogrades, tandis que ceux qui, comme M. Debray, préconisent une langue vieille de 25 siècles, qui n'a pu maintenir aucune de ses positions dans aucun pays, dont la grammaire est farcie de déclinaisons, de verbes irréguliers et d'illogismes et dans laquelle il n'est même pas possible de dire « je prends mon mouchoir dans la poche de mon pantalon », eh bien, cela c'est être moderne !*

*Après tout, pourquoi pas ? Tout dépend du sens que l'on considère comme positif.*

# Recenzoj

**TRI KRIMROMANOJ ——**

**« Ferio kun la morto »**, originalo de Karl Lindqvist (broŝ. 14 st) ; **« Trifoje akurate je la 12a horo » de W.** Galdert, el germanlingvo tradukis Friedrich Ellersiek (broŝ. 19,6 st.) ; **« La 13a mortis »** de L. Vetter, el germanlingvo tradukis Hans Borschert (tolkartone bind. 18,4 st.).

Jen el ambaŭ vidpunktoj intrigo kaj stilo, tri tre malsimilaj krimromanoj.

La plej simpla, laŭ la formo, kaj ankaŭ laŭ la agado kaj implikaĵoj estas la unua : « Ferio kun la morto ». La stilo estas nepriproĉinda kaj la libro povus konveni kiel legaĵo por daŭriga kurso. Oni bedaŭras nur ke la aŭtoro havinte bonan ideon, ne sufiĉe disvolvis ĝin, kaj donas pli projekton, skemon ni diru eĉ, por resti en la etoso, skeleton de policromano ol plenmaturan kaj karnoriĉan verkon.

La romano estas 70 paĝa, ĝi povus facile ampleksi la duoblon, eĉ pli, kaj fariĝi eble majstra verko se al la aŭtoro jam antaŭe ne mankus la persisto : rakonti murdon ne hipotezas ke oni estu mem « spiromanka ».

La dua « Trifoje akurate je la 12a horo » estas stranga libro, ĝi ne estas subtitolita policromano, sed la tradukinto klarigas ke la « germana originalo de ĉi-tiu treege interesa, fantazie-realisma kriminalromano publiciĝis antaŭ la dua mondmilito en « Weltspiegel ». Fakte la romano estas multe pli fantazia ol realisma, ni diru eĉ iomete naive fantazia. La agado okazas sur plurnacia kampo : Germana, Franca, Itala. Leginte la libron, oni dubas ĉu la aŭtoro informis sin, ne nur pri la diversaj naciaj polickutimoj, sed eĉ pri la simplaj popolkutimoj ; oni fine eĉ subflaras ke la aŭtoro neniam vizitis Francujon aŭ Italujon. Se nekredebla estas la priskriba fono de la romano, la rakonto mem ne pli kredebliĝas, kio estas grava pri krimromano Ni diru, ke tiu libro estas simple aventurromano pri krimoj. La stilo estas vigla sed ankaŭ iom fantazia.

La tradukisto avertas ke li uzas kelkajn vortojn aŭ terminojn ne troveblajn en konataj vortaroj : « teleparolo » por telefonado je longaj distancoj, « proprieto » por leĝa pripropraĵa rajto, « vertumo » anstataŭ hardisiĝo aŭ hardisigo tro pezaj (kial ne hardivido, komblimo, aŭ de la germana harlinio ?). Por landnomoj li uzas la de Sro Sommer en Eo-Post-2/1953 novan sufikson « ij » kiu ne kolizias kun la pseŭda sufikso « io » : geografo, geografio, kaj estas pli preciza ol « uj ». Mi aldonas ke ĝi havas la avantaĝon super « io » ke ĝi estas samforma ol la aliaj « uj » k. « ej », ankaŭ oni trovas ĝin en la slavaj landoj : Dalmacija, Jugoslavija, Tamen nia aŭtoro ne estas konsekvenca ĉar li skribas Japanijo, Francijo, Italijo, sed Aŭstralio.

Ni ne riproĉas tiujn maloftajn neologismojn, sed laŭlonge de la romano ni stumblis sur tiom da vortoj el kiuj multaj estas krude elprenitaj el la Germana, kaj dece aranĝitaj per « O » finala ; jen kelkaj ekzemploj : (P. 25) Dum du horoj ni jam traserĉegas ĉi-tiun **makulaturon** (ne temas pri presaĵoj) ; (P. 33) Vi ja ne estas **lezita** (anst. vundita) ; (P. 35) Li kantis kelkajn **popolliedojn** el **Neapolo** (liedo aŭ lido : germana popolkanto) ; (P. 43) Tiu vizaĝo kiu neniam **cikis** (?) ; (P. 54) en la **neksta** vagonaro li veturis al Torino (anst. sekvanta) ; (P. 59) Sur la strato Amalie **vinke** venigis aŭtodroŝkon (anst. mansigne) ; (P. 74) Li igis **holi** lin (anst. igis akompane veni aŭ igis kunpreni lin) ; (P. 81) Karolino **budetis** (anst. paŭtis) ; (P. 84) En ilia organizaĵo ekzistis **femo** (?) ; (P. 136) Malbenita fripono li graŭlis (gruntis ?) ; (141) La **galgo** estas certa por vi (la pendumilo).

Ĉu konkludi ke detektivromano estas brita specialaĵo kaj ne taŭgas por Germanoj ? « La 13a mortis » brile atestas la malon : la romano estas tiel interesega, ke estas konsilinde ĝin eklegi komence de semajnfino aŭ de ferio ĉar ĝin oni apenaŭ povas interlasi ĝis la fino. Ĝi apartenas al la klasika skolo de detektivromanoj, sed la personoj estas funde psikologie veraj kaj vivantaj, kio estas sufiĉe malofta en tiaj romanoj, ke oni devas tiun econ tute aparte mencii. La agadmedio estas Sveda en burĝa somerdomo kaj efikas originale kvankam la agado aperas tute verŝajna ; la formo estas tute vigle adekvata kun la rakonto, la stilo fluas elegante kaj naskas veran ĝuon.

Ni citu kelkajn ekzemplojn : (P. 7) Li aŭskultis duonorele ; (P. 23) Ŝi estis duonsurda, kaj sekve de tio ĉiam parolis krivoĉe ; (P. 40) ... docentis Lundskog (la kirurgo) ; (P. 68) Ŝi taliumis Gullan... ; (P. 82) ni vidu, kion la leterujo krome elsputos... ; (P. 85) estas hoko en la afero ; (P. 86) vi povos poste egaligi vian preterlason ; (P. 88) obtuze translipiĝis ekkrio ; (P. 104) mi provis vakcini al li la aferon, tiamaniere ke li mem proponos al mi la necesajn sumojn ; (P. 105) mi timis ke li vendos, sciante ke mi sidas en urtikoj ; (P. 117) vi kaptos du muŝojn per unu frapo : (P. 142) li estas samtiom ĉagrenita kaj mirigita ; (178) la ĉantaĝisto postulis sumon, kiun ŝi ne povis kontantigi ; (P. 179) Gullan premegis la apogilojn de sia fotelo, tiel ke la fingroostoj blanke tuberiĝis.

MANCEAU.

**Jean-Paul SARTRE : SEN ELIRO ; LA RESPEKTEMA P....**
Trad. Roger BERNARD, Membro de la Akademio
Eld. Esperantaj Francaj Eldonoj
11, rue P.-Vergne, MARMANDE, Francujo 1964

Tiuj du verkoj sekvas « La Naŭzo'n » aperigitan antaŭ du jaroj, en Esperanto traduko de Roger Bernard. Al ĉiuj, kiuj jam legis la « Naŭzo'n » esperantlingve, la antaŭa frazo tute sufiĉos, kaj ili sen iu ajn dubo tuj mendos la libron. Kaj tion farante, ili renovigos la duoblan plezuron, kiun ili spertis legante « la Naŭzo'n » : unue, ili legos aŭ relegos du mondkonatajn Sartrajn ĉefverkojn ; due, ili ĝuos la delikatan, lingvistikan plezuron plikonatiĝi kun la alta kvalito de la Bernarda Esperanta stilo, konciza, preciza kaj plej taŭga.

« La ulo sufokiĝas, li enprofundiĝas, li dronas, sole lia rigardo estas ekster la akvo, kaj kion li vidas ? Bronzaĵon de Barbedienne ! Kia premsonĝo ! (p. 13 Sen Eliro) kaj ĉiuj memoras la faman difinon de l'Infero, antaŭ la kurtenfaligo :

« Kaj do, estas tio, la infero. Mi antaŭ ne kredus... Vi memoras : sulfuro, brulŝtiparo, kradrostilo... Ha ». Kia ŝerco ! Ne estas kradrostilo : la infero estas la Aliaj ! (p. 63 Sen Eliro).

Kelkfoje, oni povas iomete miri pri la traduko de tiu aŭ alia esprimo : ekzemple, kiam Fred diras, franclingve :

« Le premier Clarke **a défriché** toute une forêt à lui seul ; il a tué seize Indiens de sa main avant de périr dans une embuscade ».

Li diras, esperantlingve :

« La unua Clarke sola **plugvirgigis** tutan arbaregon ; li mortigis dekses indianojn propramane antaŭ ol perei en insido (p. 110).

Mi preferus pli ĝeneralan tradukon ; kial ne « kulturebligi » ? Ĉar virgigi arbaregon per plugo ŝajnas al mi iomete strange dirita por signifi, ke la arbarego ne plu ekzistas. Ĉu vere oni povas virgigi arbaron ? Cu virga arbaro ne estas densega « netuŝita, ne esplorita, nekulturita » laŭ la 2a signifo de la vorto « virga » (Vd. Plenan Vortaron).

Tamen, oni povas akcepti « plugvirgigi » se oni konsideras ĝin, kiel tradukon-aŭdaceron. Admiru kun mi la bonegan tradukon de la sekvantaj linioj :

(Franclingve) : Fred : « Qu'est-ce que tu m'as fait ? Tu colles à moi comme mes dents à mes gencives. Je te vois partout, je vois ton ventre, ton sale ventre de chienne, je sens la chaleur de tes mains ; j'ai ton odeur dans les narines ».

(Esperantlingve) : « Kion vi faris al mi ? Vi gluiĝas al mi kiel miaj dentoj al miaj gingivoj. Mi vidas vin ĉie, mi vidas vian ventron, vian fi-hundinan ventron, mi sentas vian varmon en miaj manoj, mi havas vian odoron en la nazo ».

Unuvorte, ne seniĝu je la duobla plezuro promesita al vi. Legu, relegu tiun rimarkindan libron, vi plezure riĉigos vian Esperantistecon kaj ankaŭ vian homecon, ĉar ĉiu scias, ke J.P. Sartre estas homeca homo.

R. MARTIN.

Lajos Tarkony : Soifo, Poemkolekto, Antaŭparolo de K. Kalocsay, Stafeto, Belliteratura serio nº 23. J. Régulo, eldonisto, La Laguno, 1964, 232 paĝoj. Prezo : 12 Fr.

La nomo de Tàrkony estas certe jam konata de multaj legantoj. Kiel sciate, li identas kun la kritikisto Ludoviko Totsche, al kiu ni ŝuldas la verketon **De paĝo al paĝo** (1931), modelo de la recenzarto. Sed Tàrkony estas ankaŭ poeto : tion scias la ekslegantoj de **Literatura Mondo** kaj de la **Nica**, kaj eĉ de la **Esperanta Antologio.** Stafeto ebligas al ni konatiĝi kun la plena poemaro de Tàrkony, kiu aperas sub la titolo **Soifo.**

En la unua parto ni retrovas la etoson de la budapesta skolo, kun la strebo al efekta vestado de la temoj, la neologismoj propraj al tiu epoko, la troa abundo de epitetoj. Krom la bone konataj « Al moderna knabo », « Triopa trista gard' » k. a. rimarkinda ŝajnas al mi en tiu parto « Matena humoro ».

# LATINO SEN PENO ?

En Esperanto-gazetoj kutime aperas recenzoj nur pri Esperanto-libroj. Car tamen ekzistas homoj, kiuj ankoraŭ hodiaŭ kredas, ke oni povas revivigi kaj internacie uzi jam de longe mortintan lingvon, ŝajnis interese komentarii libron aperintan en Francujo antaŭ kelkaj semajnoj, en la fama ASSIMIL-metodo, « Le latin sans peine ».

Tie ĉi ni ne diskutos la iom dubindan fundamentan metodon de ASSIMIL (oni lernas nenion parkere ; per ripetado oni « asimilas » senkonscie la gramatikon de la koncernata lingvo). Ni konsideros nur kelkajn punktojn, kiuj pruvas, ke la latina lingvo hodiaŭ tute ne estas kapabla funkcii kiel internacia lingvo.

**POR KOMENCANTOJ.** — Ĉu oni volas tion aŭ ne, estas tute neeble, nur per ripetado de latinaj frazoj, « asimili » la latinan gramatikon, resumitan en 61 paĝoj en la fino de la 546-paĝa libro. Male oni devas lerni, lerni, lerni ne sen peno, sed kun multe da penego, kun multe da ŝvito (1). Unu ekzempleto : la regulo pri la interrespondo de la tempoj estas tiel komplika, ke la aŭtoroj de « Latin sans peine » mem plurfoje eraris pri ĝi (ni menciu nur la bildon sur la paĝo 261 : **« Quid acciderit non intellexi »**. Post **« intellexi »** oni povas trovi nur **« quid accideret »** aŭ **« quid accidisset »**). Kompatindaj komencantoj ! Mi ne klarigos al ili, kial **« accideret » aŭ « accidisset »**. La regulo estas tiel komplika, ke ili povus, dum mia klarigo de nur tiu unu regulo, lerni dekfoje la tutan E-gramatikon.

**POR HOMOJ, KIUJ JAM PLURJARE LERNIS LA LATINAN LINGVON.** — La aŭtoroj provis montri al ili, ke latino estas tre moderna lingvo :

p. 348 **avete sodales !** salut les copains (titolo de nuntempa junulara franca gazeto) ;

p. 276 **non a te quæro utrum avia tua birota utatur necne** (francaj junuloj iom malrespekte respondas tedan demandon : « Mi ne demandas vin, ĉu via avino scipovas bicikli ».

La aŭtoroj ankaŭ inventis modernajn vortojn, por montri, ke ĉiu, kiu lernis la Ciceronan lingvon, nur bezonas uzi jam konatajn internaciajn radikojn, por komprenigi sin de ĉiu latino-lerninto : **cinematographium, stilographium, grammophonium, telephonium, radaris, vhiskeum, carburatorium, aeronavis** (= aeroplano, kvankam ĝi laŭvorte devus signifi « aerŝipo »), k.t.p.

Bedaŭrinde la miksemuloj de « Latin sans peine » kondamnis multajn aliajn internaciajn formojn kaj alprenis trafe maltrafe vortojn el ĉiuj epokoj de la Roma historio, por esprimi modernajn ideojn. Mi vetas kun ĉiu ajn lèrninto de la klasika latina lingvo, ke li ne tuj komprenos en skribita aŭ parolata teksto jenajn vortojn :

**popina** = restoracio
**fidiculae** = violono (en klasika latino : malgranda liro)

**lodix** = litokovrilo
**mastruca** = veŝto (en klasika latino : felvesto de la Sardoj kaj Ĝermanoj)
**prescriptio cursualis** = poŝtĉeko
**tabulatum urinatorium** = plonĝotabulo (kaj ne tio, kion vi erare pensis)
**focale** = kravato
**carpentum** = fiakro
**carpentum meritorium** = taksio
**narta** = skio
**marsupium** = poŝo (en klasika latino : saketo, monujo)
**pera** = mansaketo (en klasika latino : dusako)
**sparteolus** = fajrosoldato
**pittacium** = poŝtmarko
**autoraedarius** = aŭtomobilisto

k.t.p. k.t.p.

(1) Je la fino de la lernolibro, la latina teksto ankoraŭ bezonas, krom la traduko, pli ol trioblan spacon da presitaĵo nur por la gramatika klarigado.

Por montri, kiel malmulte utila estas la latina lingvo en la ĉiutaga uzo, ni supozu jenan amuzan historieton : Moskvano, S-ro Popov, vojaĝas al Chicago (lat. **it Chicaginem**) kaj survoje restas en Romo. Li vizitas la Vatikanon, la lastan Latinujon en la mondo. Li demandas kardinalon, kie estas **« popina »** (restoracio). Ĉar nia Ruso estas ne nur latinisto, sed ankaŭ Esperantisto, ĉiufoje, kiam la kardinalo ne komprenas liajn latinajn demandojn, li krome demandas Esperante. Kaj, mirindaĵo !, la ne-esperantista, latin-parolanta kardinalo komprenas nur Esperanton :

— Popov : **Sarmata sum.**
— Kardinalo : ? ? ?
— P : Mi estas Ruso.
— K : Ha !
— P : **Ubi est popina ?**
— K : ? ? ?
— P : Kie estas restoracio ?

La kardinalo montras tion kaj akompanas la Ruson tien. Tiu ĉi demandas, ĉar la restoracio estas sur la dua etaĝo, ĉu estas **« scansorium pegma »**.

— K : ? ? ?
— P : Lifto.
— K : Yes, si, oui.

La afabla Ruso poste proponas al la kardinalo :
— P : **Bibisne propoma ?**
— K : **Propoma ?**
— P : Jes, aperitivon.
— K : **Ha ! intellego. Bibam.**
— P : **forsan gallicaudam.**
— K : He ?
— P : eble koktelon.
— K : Ha ! koktelon !

La rakonto povas laŭplaĉe daŭri plurajn horojn. S-ro Popov bonvolus manĝi **« acipenseris ova »** (kaviaron) kaj la kardinalo **« intritam »** (supon), sed tiu ĉi, anstataŭ **« cochlear »** (kulero), havas nur **« fuscinulam »** (forketon). Ambaŭ poste petas de la kelnero **« assulam bubulam cum solanis »**, sed, ĉar la stulta kelnero restas tie kun malfermita buŝo, la Ruso klarigas, ke temas pri « bifsteko kun terpomoj ». Ho ! miraklo ! la kelnero tuj komprenas Esperanton kaj ekkuras al la kuirejo.

Post la manĝo S-ro Popov demandas la kardinalon, ĉu li preferas **« volumen tabaceum »** (cigaron) aŭ **« hispanicam »** (cigaredon), sed la vatikana moŝto tiras el sia marsupio, pardonu, el sia poŝo **« fumariolum »** (pipon) kaj **« sulphuratorum capsulam »** (alumetujon). La Ruso diras, ke li trinkos sian kafon el glaso, ne el taso. La kardinalo provas klarigi tion al la kelnero, sed, ĉar Latino ne konas diferencon inter **« poculum »** (glaso) kaj **« poculum »** (taso), pro malespero li preferas tuj memmortigi sin per **« manuballista »** (pistolo).

Aliaj rakontas, ke la **« nosocomii moderator »** (direktoro de la hospitalo) sukcesis savi la kardinalon kaj ke ambaŭ decidis post tiu aventuro lerni Esperanton kaj fondi vatikanan Ĉe-Instituton.

Moralaĵo de tiu frenezula rakonteto :
Pri tiu stranga ĵargono
Multe ridus Cicerono
aŭ
Parolu ĉine, balbutu latine ;
Esperanto venkos finfine.

Louis BEAUCAIRE.

## RAKONTU, SAMIDEANO

**eld. Dansk Esperanto Forlag (Danlando) - 74 p. broŝ**

Prezo : 6,20. — Antaŭ du jaroj, aperis verko pri la esperanta vivo, titolita « Sub la verda stelo ». Ĝin eldonis la Dana Esperanto Societo. Do, tutnature, niaj danaj amikoj denove eldonas duan volumon similan en kiu ili kolektis anekdotojn de diverslandaj samideanoj pri ilia esperantista sperto. Tralegante tiun kolektivan verkon, oni facile entuziasmiĝas kune kun la aŭtoroj kiam ili rakontas sian unuan renkontiĝon eksterlande kun alia esperantisto. Tiu unua renkontiĝo ĉiam impresis ilin kaj postrestas freŝe en ilia memoro. Kaj kiom da amdeziro en korespondado de

freŝbakita esperantisto kun nekonata esperantistino ! Kiom da plezuro en la helpado de embarasita fremdulo kiu... feliĉe konas la internacian lingvon ! Nun, ŝajnas al mi, ke estas pli facile amikiĝi inter eksterlandanoj pere de Esperanto ol amikiĝi inter Francoj pere de la franca lingvo...

LEGREE.

### LA BRIOFITOJ EL LA BIENO GRESILLON

S-ro JELENC, Profesoro pri Naturaj Sciencoj en la Liceo de Châtellerault, verkis interesan sed tre fakan artikolon pri ĉiuj kreskaĵoj trovitaj de li sur la bieno Gresillon. Tiu artikolo aperis en SCIENCA REVUO, Organo de I.S.A.E. (Vol. 16 - Nº 3/4 - 1965) kaj refoje montras kiel taŭga estas nia internacia lingvo por esprimi en ĉiuj kampoj, eĉ la plej neordinarajn kaj fakajn ideojn.

### FALDFOLIO PRI ANGERS

Angers okupas tre enviindan lokon inter la plej belaj kaj artaj urboj de nia lando ; sekve, dum la tuta jaro, granda nombro da turistoj haltas tie por admiri kaj viziti ; de nun, dank'al la E. Grupo kaj al la klopodoj de S-ino Cheverry kaj S-ro Frangeul, la alilandaj samideanoj disponos belan faldfolion kun aldonita esperantlingva teksto. Gratulon al niaj amikoj, kiuj iom post iom kaj ofte tre malfacile, progresigas la kampon de uzebleco por nia lingvo.

### UNE NOUVELLE CARTE POSTALE POLONAISE

Le Ministère des Postes de Pologne vient d'émettre une nouvelle carte-postale avec timbre imprimé de 40 gr. de couleurs noire, verte, rose-lilas et blanche, en format carré. Il s'agit donc de la troisième carte avec timbre imprimé qui n'existe pas sur papier dentelé comme un timbre ordinaire.

### FRISAJ RAKONTOJ EN ESPERANTO

Eldono de « Fryske Akademy » en Leeuwarden ; prizorgis Frisa Esperantista Rondo en Leeuwarden, sub aŭspicioj de U.E.A. 1964 — 184 paĝoj — prezo : F. 8,50.

*Jam antaŭ du jaroj alvenis el la plej norda regiono de Nederlando (Frislando) libreto de noveloj tradukitaj el la frisa lingvo. S-ro S. de Jong klarigas en la enkondukaj paĝoj, ke tiu lingvo estas pli parenca al la angla ol al la nederlanda lingvo, kvankam la regiono estas parto de Nederlando.*

*Tiu libro ne estas enciklopedieto pri la frisa literaturo ; ĝi celas konigi ekzemplojn de la tiea nuntempa literaturo, kaj Esperanto plenumas tie sian gravan kulturan rolon, diskonigante al la tuta mondo tekstojn, kiujn oni tre malofte trovas en la kutimaj literaturaj gazetoj.*

*La enhavo de tiuj 20 noveloj estas tre varia : intermiksiĝas psikologio, romantikeco, elreviĝo de junulino, obstineco kaj ankaŭ surprizatendo kiel en la novelo de Akkermann « Ŝtelmaniulo ».*

*Nia danko iru ankaŭ al la tradukintoj inter kiuj estas S. Stuit, Weldmann, S.S. de Jong, Tjepkema, Boersma, Steffering, ktp... Ili ĉiuj tre bone estras la lingvon, sed eble pro la propra stilo de la verkintoj la legantoj bezonas alkutimiĝi al la speciala rakontmaniero.*

*Fine, oni povas konsili la uzadon de tia libro en kursoj por progresantoj : ili samtempe lernos la lingvon, kaj ion ne kutiman en la literaturo.*

J. A. ROUSSEAU.

# Echos de la Presse - Echos de la Presse - Echos

**« LE COURRIER DU VALENCIENNOIS » des 8 et 15 octobre 1966** : deux articles : l'un sur le congrès de la fédération Nord-espéranto ; l'autre, rehaussé de 6 photos, intitulé « Parce qu'une fois de plus le sang avait coulé à Bialistok, naquit l'espéranto ».

**« LA CROIX DU NORD », « LA VOIX DU NORD », octobre 1966** : Journée d'information sur l'espéranto interview de M. Stuit à Radio Valenciennes.

**« L'AVENIR DE LAON » du 31 octobre 1966 :** Excellente chronique de notre ami Luez « sans interprète ».

Le tour de France de notre amie tchèque Mme Cichova a donné lieu à de nombreux articles dans la presse régionale. Citons **« MIDI LIBRE », « LE REPUBLICAIN DU TARN », « L'INDEPENDANT A PERPIGNAN », « NOUVELLE REPUBLIQUE » Tours, « LE COURRIER DE L'OUEST » Angers,** etc...

**« LA REPUBLIQUE »** à Toulon, compte-rendu de la conférence de M. Jullien, d'Aix-en-Provence.

**« L'IMPARTIAL DE LA DROME », 21 octobre 1966 :** Remise de diplômes aux jeunes de « Bona Stelo ».

**« LE MONTELIMAR » du 11 octobre 1966** a annoncé le programme des activités 66-67 du groupe montilien dirigé par notre ami Llorens.

**« LE MERIDIONAL », « LE PROGRES », « LE DAUPHINE LIBERE » du 17 octobre 1966** ont relaté le congrès de la Fédération Drôme-espéranto.

**« NICE-MATIN » du 7 novembre 1966 :** « L'Association Polytechnique de Nice a remis ses prix pour l'année 1965-66 ». Félicitations aux lauréats des cours professés à cette Association par nos amis Pazzini et Mme Luquet.

**« LE CANARD ENCHAINE » du 9 novembre 1966** cite parmi les candidats au Prix Nobel de la Paix (non attribué cette année), l'Association Universelle pour l'espéranto, Rotterdam (référendum des lecteurs).

**EMISSION TV « les descendants... »** (première chaîne) **du 9 novembre 1966,** consacrée à Tolstoï. Une longue séquence a montré l'ancien secrétaire du grand écrivain russe, M. Victor Lebrun, un pionnier de l'espéranto. Le réalisateur de l'émission a fait mention de la qualité d'espérantiste de M. Lebrun en montrant notamment le blason frappé de l'étoile verte apposé sur la façade de sa maison.

**« FAMILLE EDUCATRICE »,** organe de l'Association Nationale des Parents d'Elèves de l'Enseignement Libre, a annoncé dans son numéro d'**octobre,** l'Exposition « Connaissance de l'Espéranto » à l'Institut National de Pédagogie. Dans le même journal, publicités de Linguaphone et de l'Ecole Universelle pour leurs cours de langues — dont l'Espéranto.

**« L'AURORE », « LE FIGARO », « LE NOUVEAU CANDIDE »** ont relaté le scandale volontairement déclenché par un cancérologue américain, le Dr Burchenal de Philadelphie au Congrès du cancer à Tokyo.

**« L'AURORE »** écrit à ce sujet : « Présentés simultanément dans 19 salles différentes, plus de 220 rapports, communications et tables rondes faisant appel aux langues les plus diverses, de l'hindoustani au japonais en passant par le russe, l'espagnol et l'anglais, telle est la matière du dossier ouvert à Tokyo à l'occasion de la première journée de travail du IXe congrès international du cancer...

...Dès les premières paroles prononcées en anglais au cours de la table ronde consacrée aux progrès réalisés dans les différents traitements du cancer, comme il s'avérait que la cadence de celle-ci était beaucoup trop rapide pour permettre aux interprètes d'accomplir leur mission, leur chef pria le Dr Burchenal d'inviter les participants à la table ronde à réduire leur débit oratoire afin de ne pas dépasser les 100 mots-minute, condition impérative d'une bonne traduction simultanée en langue française.

...A l'étonnement général, le « modérateur » répliqua que la langue française n'intéressant plus personne, il lui paraissait plus utile d'accélérer la lecture des communications pour respecter un horaire strict très chargé... Une motion écrite en langue anglaise par une américaine outrée fut présentée au Dr Burchenal. Elle lui précisait que le français était l'une des deux langues officielles du congrès et l'avertissait de la présence de nombreux médecins francophones, de représentants de l'O.R.T.F. et de la presse quotidienne d'information lesquels regrettaient cette absence de coopération. Le Dr Burchenal lut la motion sur la mode ironique, la coupant de sourires condescendants, de telle sorte qu'il déclencha l'hilarité d'une assemblée en majorité anglophone. Devant cette incorrection grossière et consciente, la totalité des auditeurs francophones de ce fait rejetés de la discussion, quittèrent ostensiblement la salle... Ce sabotage volontaire de l'une des manifestations les plus importantes du congrès, puisque faisant seule, ce jour-là, l'objet d'une traduction simultanée, devait en fin de soirée donner lieu à une protestation auprès du président du congrès, le professeur Yoshiyuki Yoshida... ».

L'attitude de la délégation française, quittant la salle pour protester contre cette discrimination était parfaitement justifiée, le français étant également langue officielle au même titre que l'anglais. Comme notre ami Emile Servan-Schreiber de **« COMBAT »** nous pensons que **la meilleure parade contre l'anglais demeure l'espéranto...**

Du **« BULLETIN DE L'OFFICE DE PRESSE DU GOUVERNEMENT FEDERAL ALLEMAND » du 2 novembre 1966 :** « Un allemand de base pour apprendre plus facilement cette langue... Les linguistes allemands vont mettre au point un « allemand de base » qui sera plus spécialement employé pour l'enseignement de cette langue à l'étranger. Les travaux seront financés par la Fondation Volkswagen qui, à la demande de l'Institut Goethe, a consacré 800.000 DM à cette entreprise. Selon les germanistes, la mise au point, puis l'introduction d'un allemand de base décidera du maintien des positions de la langue allemande à côté de l'anglais et du français. Il s'agira tout particulièrement à cet égard de valeur internationale en tant que langue scientifique...

# NIA VORTTREZORO

## 11. « Tro francaj » neologismoj

S-ro Mabesoone en « Esperanto » (Nov. 66, p. 176), skribas en recenzo pri la bonega libro « Geologio » de Prof. Cailleux, ke kelkaj nove kreitaj terminoj tie estas « iom tro francaj ». Nu, kiel ekzemplo, li citas la tute bonan **petro** (F. Roche), kiu ja ne estas franca...

Efektive jam de kelka tempo diversaj aŭtoroj montras sian agacon kontraŭ neologismoj per la mania uzo de la gurdita formulo : « iom tro franca ». Kvazaŭ enestus io terure malbona en tio, ke novaj vortoj estu ĉerpitaj el la franca, kiun Zamenhof mem konsideris kiel « duoninternacia » !

Kiel ajn estas, ŝajnas al mi, ke kiam ne ekzistas vere internacia vorto (t.e. vorto trovebla en la tri lingvofamilioj latinida, ĝermana kaj slava) estas pli bone — se tio eblas —, ke neologismon oni prenu el iu vaste konata lingvo ol el izola aŭ malpli grava lingvo. Kaj estas pli konforme al la spirito, al la vorttrezoro de nia lingvo, ke en tiaj okazoj oni preferu latinidan vorton. Tamen tio neniel povas esti fera leĝo ; sed almenaŭ, se pro ia motivo oni alprenas nelatinidan vorton, la plej eta singardo rekomendas eviti, ke ĝi similu terminon vaste konatan en la latinidaj : ĉar tiam oni riskus senprofite krei miskomprenojn, kaj almenaŭ ŝoki pro miselekto.

***

Ekzemple la Esperanta vorto **ramo** (« pavinbatilo, stampilo, ŝtipbatilo » laŭ Zamenhof en iu Andersena fabelo, III, p. 81-82) el tiu vidpunkto estas malbonege elektita ; ĝi nepre pensigas al supozebla homonimo **ramo**, glate eltirebla el la latinida **ramo** (H.I.P.) kaj la franca **rameau**, kiuj nomas etan subdividon de branĉo (branĉeteto). Pluraj derivaĵoj ekzistas en la franca : **ramille** (rameto), **ramescence** (rama dispozicio, rameco), **ramifier** kaj **ramification** (disramiĝo). El tiuj la angla transprenis : **ramify** kaj **ramification.** La hispana pli riĉas : **ramito** kaj **ramilla, ramillete, ramificarse** kaj **ramificacion,...** aŭ la portugala : **ramal, ramificaçao, ramagem...** kaj ĉefe la itala : **ramoscello, ramificare, ramificarsi, ramificazione, ramoso, ramosita**, ktp, ktp... Unuvorte, la latinida radiko **ram** — estas tre konata, kaj ni ne parolis pri la fakto, ke ne nur kuracistoj tra la tuta mondo, sed ankaŭ la liceanoj en multaj landoj scias, kio estas la **rami communicantes** (komunikantaj ramoj) — anatomia termino formita et la pluralo de la latina **ramus**).

Nu ! La Esperanta **ramo** (la batilo, ktp.) estas nur homonimo de tiu latinida : ĝi respondas al la angla kaj nederlanda **ram** kaj al la germana Ramme ; ĝi nomas instrumenton, kiu esence konsistas el peza maso, kiun oni lasas fali sur pavimojn, sur palisojn k.s. por enprofundigi ilin, aŭ rekte sur la grundon por ĝin platebenigi. En la franca ĝi ricevis, same kiel en multaj lingvoj, plej diversajn nomojn : **hie, dame, demoiselle ;** la du lastaj fakte estas kromnomoj, kiuj aludas la konturan aspekton de la instrumento : verŝajne tia kromnomo ekzistas en diversaj lingvoj, kaj en la jam aludita Andersena fabelo Zamenhof uzas la ekvivalentojn : « **virgulino** » kaj « **fraŭlino** », kiujn li singarde enmetas inter citiloj. Ne ekzistas vere internacia vorto por tiu nocio kaj kompreneble, tio ne estas motivo, por ke Esperanto ne posedu propran terminon ; tute same kiel inverse la fakto, ke iu formo estas vere internacia ne signifas, ke ĝi nepre devas penetri en Esperanton ! Nu, ni vidis, ke la formo **ramo** estas erariga, miselektita, kaj kvankam ĝi aperis jam ĉe Boirac en 1909, ne ĉiuj modernaj vortaroj ĝin enhavas. Ekzistas nur tre limigitaj internaciecoj de du aŭ tri lingvoj por tiu nocio... Eble la elgermana formo **rammo** pli taŭgus : pro la duobla **m** ĝi plie povus sugesti la bruon de falanta maso ? Kompense, pro tiu duobla konsonanto, ĝin abomenos multaj... Ĉu estas do permesite sugesti la sone najbaran elslavan **trambi** (R. Bl.), kiu estas almenaŭ same son-elvokiva, kaj kiu plie memorigas la verbon **tremi : la trambilo tremigas la teron ?**

***

Per la ĵusa ekzemplo kaj sugesto vi komprenas, ke mi neniel opinias, ke ni devus ekstermi la vortojn, kiuj, ne sufiĉe internaciaj, plie ne estas latinid-devenaj ! Aliaj lingvoj ja povas liveri al ni tute taŭgajn vortojn, kiam internacia formo aŭ ne ekzistas aŭ ne estas uzebla en Esperanto, ĉefe pro homonimeco. Ekzemple, jen kelkaj vortoj el la « nordaj lingvoj » ; mi dankas S-ron Vilho Setälä, Akademiano, pro afabla disponigo de kelkaj informoj.

La **boaco**, iam nomata **norda cervo**, ricevis sian nomon per senŝanĝa prunto el la lapona kaj ŝajne uzis tiun nomon unuafoje Bruno Riefling (verkinto de lernolibroj) por Norvegoj, 1918). Pli poste, V. Setälä, uzante ĝin en sia fama kaj populara « Esperanta Legolibro » (Unua eld. 1917 ; 4-a — 1924, p. 15), vaste diskonigis ĝin. Tamen ekzistas sufiĉe internacia formo **ren** —, kiu devenus el oldskandinava **hreinn** : A. **rein**, Sv. kaj Nl. **ren**, G. **Renn**, de kiu lasta devenis F. **renne** kaj sinsekve I. **renna**, H. **reno** kaj P. **rena** ; la ĝermanaj lingvoj, parte por eviti konfuzojn, ĝenerale preferas aldoni al ĝi klarigan vorton signifantan **besto** (deer, djur, dier, Tier,...) ; Esperanto estus povinta ilin imiti per **rencervo** aŭ **renocervo**, laŭ la modelo de la hungara **renszarvas**, au de la propra **damcervo**, cetere prefere nomata **damao**, aŭ ankaŭ laŭ la instigo de Grabowski en sia Pola-E-a vortaro (1910). Sed la lingvo malŝatas tiajn konstruaĵojn. Aliparte, ŝajnas, ke la skandinava **reindyr** naskis en la 13-a jc. la old-francan **rengier**, poste **rangier**, ankoraŭ trovebla en la okcitana **rangié ;** kaj eble laŭ tiu old-franca la eruditoj kreis per aldono de la latina **ferus** (sovaĝa besto, cervo) la bas-latinan **rengifer**, poste **rangifer.** Tiu formo transvivas en la pola **renifer** kaj en la ibera (H.P.) **rangifero** aŭ **rengifero** ; ankaŭ en la zoologia nomenklaturo : la boaco en ĝi estas katalogita sub la surskribeto **Rangifer tarandus.** Nu ! ankaŭ niaj vortaroj enhavas la sinonimon **rangifero**, sed ni devas konstati, ke ĝi ne havas la saman uzatecon. **Boaco** estas multe pli populara : la latina vorto tro odoras librojn kaj klasifikojn ; tiel same ni ne ŝatus nomi **Felis felis** nian miaŭantan kunulon ! Dume, **boaco** estas la plej vivanta formo : en konstanta uzado ĉe la Laponoj, por kiuj la boaco estas la ĉionfara besto ; ĝi tiras la sledojn, donas sian lakton kaj nenio el ĝi restas neuzata : felo, karno kaj sango, ostoj kaj kornaro ! Trovebla en ĉiuj bonaj vortaroj tiu vorto plene meritas la civitanajn rajtojn.

***

Saman sukceson havis la tinte elvokivan **lirli**, onomatopea agrabla vorto, kiu imitas la finnan **lirisee** : la rivereto lirlas inter la ŝtonoj ; ĝi aŭdigas sian ĉarman kantadon : « **Lir, lir, li !** » Vilho Setälä ĝin proponis antaŭ multaj jaroj ; lia eminenta traduko de « Sep fratoj » (1947) poste diskonigis ĝin. Nun ĝi estas trovebla sub la plumo de niaj verkistoj el kiu ajn lando. Oni diras, ke la germana estas riĉa je esprimoj pri sonoj kaj bruoj, kaj ĝi efektive donis al Esperanto kelkajn tiajn esprimojn ; sed ŝajne la finna ankoraŭ pli riĉus sur tiu kampo ! Tiel nia finna Akademiano povis proponi ankaŭ **pulpi** por sono, kiun kaŭzas eksplodeto de aerveziketo en likvaĵo, laŭ la finna **pulppuaa.** Nu ! Se la vorto **pulpo** (pulpo de frukto, pulpo de dento) ne ekzistus, tiu onomatopeo povus esti tre bonvena : jen do unu el la motivoj, kial ĝi ne disvastiĝis. Eble la formo **bulpi** trovus pli bonan fortunon ? Preter sia finneco, ĝi estas plej simple ankaŭ bela kaj trafa onomatopeo : nur necesus, ke internacie oni sentu ĝian utilon, por ke ĝi enuziĝu...

Sed jen tuj elsaltas demando : ĉu ĝi ne estas iel najbara al la bone konata **bobelo**, kiu signifas aerveziketo formiĝanta meze de kirlata aŭ iel movata likvaĵo aŭ ankaŭ dum bolado ? Ĉesurface la bobeloj krevas : « **Bulp ! bulp ! bulp !** ». Tiu **bobelo** havas ĝermanan devenon : A. **bubble**, Dn. **Boble**, Sv. **bubbla** kaj Nl. **bobbel** aŭ simple **bel** ; strange : ĝi krome estas trovebla ankaŭ en la ĉeka : **bublina !** Konata jam de 1908 (Rhodes) ĝi ne konfuziĝu kun **blazo** (Presa Societo, 1908), preskaŭ sinonimo, kiun mi volonte difinus jene : « veziketo kun propra kaj aparta membrano » : sapa blazo, pusanta blazo sur la haŭto. Ĝi devenas de la germana **Blase** kaj estas trovebla ankaŭ en Nl. **blaas**, Sv. **blasa**, Dn. **Blaere...** la radiko estas **blasen**, blovi ; ĝi formiĝas per enblovo aŭ natura estiĝo de aero aŭ de gaso.

Oni fine rimarku, ke tiu **bobelo** de tre fore similas al la latinidaj : F. **bulle**, I. **bolla**, P. **bolha...** Do, ni atendu, ke iu ĝin deklaros « iom tro franca » !

A. ALBAULT.

# INDEKSO 1966

La unua nombro rilatas al la numero de la gazeto ;la dua al la paĝo.

**AKADEMIO**



**BELETRAĴOJ**



**DIVERSAĴOJ**



**ECHOS DE LA PRESSE**



**FRANCA ESPERANTO INSTITUTO**



**GREZIJONO**



**J.E.F.O.**



**KOMUNIKAĴOJ DE U.F.E.**

**RECENZOJ**



**UNIVERSALA KONGRESO**



**VOĈO DE LA GRUPOJ**



**VORTTREZORO**



---

**LASTHORE**

## NI ANKORAU KOLEKTU SUBSKRIBOJN !

Sur la lasta numero de la Revuo « ESPERANTO » (N° 733 - Déc. 66) aperas tre interesaj detaloj pri la transdono de la Tutmonda Peticio al O.N.U. por la progresigo de Esperanto. Inter tiuj detaloj, iu artikolo titolita « NI ANKORAU KOLEKTU SUBSKRIBOJN » meritas tute specialan atenton.

Bonvolu niaj legantoj legi tiun artikolon sur la paĝo 197 de ESPERANTO kaj tuj daŭrigi la kolekton de la subskriboj sur folioj resendeblaj al nia Nacia Sidejo, 34, rue de Chabrol, Paris-10e, kiu plusendos ilin al Rotterdam.

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

Nous pouvons fournir tous les livres indiqués dans l'annuaire U.E.A.

## ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| L'Espéranto, cet inconnu (Ribot) | 1,25 |
| Valeur pédagogique de l'Espéranto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,50 |
| ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) | 1,50 |
| Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés | 8 00 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) | 5,00 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,80 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés | 4,80 |
| Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) | 16,00 |
| Espéranto Vivant (P. Delaire) | 20,00 |
| Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) | 14,00 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) | 4,75 |
| Dialekto, dialektiko (Dalmaŭ) | 3,50 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |
| Manuel de Perfectionnement (Couteaux) | 4,20 |
| Lingvaj Respondoj (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanta Proverbaro (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanto, facila por vi (Walter) | 6,30 |
| La Fundamento, broŝurita, p. de A. Albault | 13,50 |
| Ne kiel Meier ! (R. Schwartz) | 2,00 |
| Nos premiers pas en Esperanto (avec disque) | 2,50 |
| Espéranto - Eclair | 1,00 |
| Manuel préparation Kapableco | 6,00 |

## DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) | 20,50 |
| Grand Dictionnaire Espéranto-Français (Waringhien) | 33,00 |
| Lexique Espéranto-Français (Léger) | 6.00 |
| Naŭlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10.00 |
| Plena Vortaro de Esperanto | 20.00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 3,30 |

## HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broché | 6,50 |
| relié | 13,50 |
| La Esperanto-Movado ((Stöp-Bowitz & Isbrucker) | 3,00 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II binditaj, kune | 28,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 20,00 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 9,50 |
| D-ro Zamenhof (M. Boulton), bindita | 19,00 |
| Boulogne 1905 Testo Kaj Triumfo | 2,50 |
| La Homaranismo de Dro Zamenhof | 2,50 |
| Aŭtografoj de D-ro Zamenhof | 2,50 |

## LITERATURO

| | |
|---|---|
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.-P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 3,00 |
| Angla Antologio (Auld & Rossetti) | 14,00 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita | 4,50 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 2,00 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider & Carlsson) | 1,00 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Topaze (M. Pagnol) | 10,00 |
| Reĝo Edipo. Antigona (Sofoklo) | 10,00 |
| Fabiola (Kardinalo Wiseman) 7,50; bindita | 12,00 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 6,00 |
| La Ĝoja Podio (R. Schwartz) | 6,00 |
| La Huado Kruso (Ballantyne) | 2,50 |
| Infanoj en Torento (St. Engholm) I & II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) broŝurita | 4,50 |
| Karlo (Privat) | 1,40 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Malsata ŝtono (R. Tagore), bindita | 16,00 |
| Akbar (Brouwer) | 5,50 |
| Kiso de la Reĝino (Naĵivin) | 3,30 |
| Kredu min Sinjorino ! (Rossetti), bindita | 8,50 |
| La Dia Komedio (luksa eldono) | 60,00 |
| Edelvejso kaj la tri vagabondinoj | 4,00 |
| Hamleto (tr. L.-L. Zamenhof) | 14,00 |
| Fabeloj de H.C. Andersen (tr. L.-L. Zamenhof), IV vol. | 16,50 |
| Fabeloj de H.C. Andersen (tr. L.-L. Zamenhof), I vol. | 15,00 |
| Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita | 9,00 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 17,00 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aŭtoroj) | 3,50 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 11,50 |
| La Naŭzo (J.-P. Sartre), trad. R. Bernard | 20,00 |
| Sen Eliro (J.-P. Sartre), trad. R. Bernard | 8,00 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,50 |
| Georgo Dandin (Molière) | 5,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| Kiel akvo de l'rivero (Schwartz), bind. 19, br. | 15,00 |
| Dana Antologio, bindita | 16,50 |
| Quo Vadis (trad. Lydia Zamenhof) | 14,00 |
| Koloroj (J. Baghy) | 4,50 |
| La Marvirineto, bindita | 10,50 |
| Bildlibro pri Bestoj, bindita | 11,50 |
| La Eta Princo, broŝurita — Trad. P. Delaire | 14,50 |
| Hamleto (tr. Newell) | 12,00 |

## FILOZOFIO & RELIGIO

| | |
|---|---|
| Tio, kion mi kredas (J. Rostand-Berlot) | 3,00 |
| Maksimoj de La Rochefoucauld, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 4,50 |
| Sankta Biblio, bindita | 15,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

## GEOGRAFIO — VOJAĈADO

| | |
|---|---|
| Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) | 15,00 |
| Aŭstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Kanako el Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 11,00 |
| De Parizo al Pirenea Montaro | 1,80 |
| La Bela Subtera Mondo (Leander Tell) | 10,00 |
| La Kunprinclando Andoro (ilust.) | 7,50 |
| Gvidlibro Tra Parizo (Julieta) | 12,00 |

## ARTO, SCIENCO & TEKNIKO

| | |
|---|---|
| Retoriko (Lapenna), bindita | 16,50 |
| Atakoj kontraŭ Ĝardenplantoj (Neergaard) | 15,50 |
| La Vivo de la Plantoj (Neegaard) | 11,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj | 7,50 |
| Amuzo per Scienco (Vivian), bind. | 6,00 |

## GRAMOFONDISKOJ

| | |
|---|---|
| Cours d'Esperanto (Ribot) : 6 disques et 7 livrets | 84,00 |
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 11,50 |
| Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉe), ĉiu | 10,00 |

**Livres illustrés pour les jeunes (Série de 10) .. 10,00**

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 NF ; 15 % jusqu'à 20 NF ; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Française pour l'Espéranto, 34, rue de Chabrol, Paris X^e^. C.C.P. 855-35 Paris.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie Coconnier

Le Gérant : RIBOT.